# BRAZILA ESPERANTISTO

Oficiala Organo de Brazila Esperanto - Ligo - 89ª Jaro - Nº 298 - Marto 1997

## BIOGRAFIOJ



LA HOMOJ KIUJ FARIS LA 20-an JARCENTON

**Einstein**

"Sed vere, pli ol la sciencoj, lin allogis la vivo".

"Estontaj generacioj malfacile kredos ke preterpasis sur la tersurfaco homo kiel Gandhi - ili diros ke ĝi estas mito" A.E.



**Zola**



**Mi estas la MIO** - mi **havas** la egoon".

**Gandhi**

***Biografio: Arto historie rakonti ies tutan vivon.***

BRAZILA ESPERANTISTO

89-a Jaro - Marto 1997
N-ro 298 (trimonata) - Trimestral
Oficiala Organo de Brazila Esperanto-Ligo
Caixa Postal 3625
70084-970 Brasilia, DF (Brazilo)
Telefono (061) 226-1298
Fakso (061) 226-4446
Internet: bel@brnet.com.br
Kompostado, presado, Grafika aranĝo
Gráfica Altamisa
Eldonkvanto: 1500
Redaktantoj: S. - G. Ledon - CP 269
12460-000 Campos do Jordão, SP - (Brazilo)
Telefono-Fakso: (012) 262-1983
**La redaktantoj ne nepre konsentas kun la enhavo de subskribita artikolo**

BRAZILA REVUO ESPERANTISTA
Fondita en 1907
BRAZILA ESPERANTISTO
Fondita en 1908
de Alberto A. Vieira
Reynaldo Geyer
Everardo Backheuser
Pri abonprezo, anonctarifo k.c.
skribu al BEL
Pri kunlaborajoj k.c. skribu al la redaktejo



# ENHAVO



# Kovrilpaĝo

## LA HOMOJ KIUJ FARIS LA 20-an JARCENTON

Aŭtomobiloj, aviadiloj, raketoj, amasmagazenoj, transmeto de organoj, la televido, la protestoj, la poparto, la rok', la penicilino. Malantaŭ de tiuj grandaj aventuroj de la imagpovo kiuj faras nian epokon vibran kaj dinamisman, ĉiam ekzistas elstaruloj. Ili konsistigis la 20-an jarcenton, ili diskonigis siajn vivstilon kaj pensmanieron. La historio de kelkaj el ili vibros en nia ĉi-jara kolekto de "Brazila Esperantisto". La nuntempa mondo plenas je kontraŭdiroj kaj malantaŭ la negativaj fortoj ankaŭ ekzistis aliaj elstaruloj. Antaŭ jaroj tiaspeca traserĉo por selekti mil nomojn fare de amaskomunikiloj en Anglio, Italio furoris, en Brazilo komisio el membroj de la Brazila Akademio de Beletro, historiistoj, sciencistoj kaj sociologoj kunlaboris kun "Manchete" por aldoni la nomojn de tiuj kiuj plej kontribuis por la enlanda progreso en tiu ĉi jarcento. La finan selekton listigis Austregésilo de Ataide (prezidanto de la BAB), Peregrino Jr. (akademiano, prezidanto de la Unio de Brazilaj Verkistoj, profesoro, kuracisto kaj verkisto), Pedro Calmón (eksministro de Eduko kaj Kulturo, eksrektoro de la Universitato de Brazilo, historiisto, akademiano kaj vic-prezidanto de la Instituto de Historio kaj Geografio), Adonis Filho (akademiano, romanverkisto kaj literatura kritikisto, direktoro de la Nacia Biblioteko kaj prezidanto de la Brazila Asocio de Gazetaro) kaj R. Magalhães Jr. (akademiano, ĵurnalisto, aŭtoro de biografiaj studoj, ĝenerala sekretario de la Brazila Asocio de Teatro-Aŭtoroj).

Panoramaspekte, similrangas dum tiu skua epoko tutmondaj elstaruloj Albert Schweitzer kaj Hitler, Freud kaj Rasputin, Stravinsky kaj Beatles, Picasso, De Gaulle, Gandhi, Santos Dumont kaj... Pelé.

Por la esperantista medio ni kunmetos precipe referaĵojn de jam ekzistantaj biografioj de nia literaturo kun iomaj analizoj kaj komparoj. Vi estas invitataj kunlabori tiusence per aldonaj informoj, rilate al "La Homoj kiuj faris la 20-an Jarcenton" !

# EL LA REDAKTEJO



Unu fojon plian ni liveras al vi viajn kunlaboraĵojn. Nur tiel nia organo povas funkcii, libere preskaŭ en plena demokratio. Ni klopodas resti en deca nivelo, eĉ se ofte ni toleras subtilajn malglataĵojn, kaj ni ricevis riproĉetojn pro tio, ne gravas. Multe pli ĉagrena en ĉi tiu fojo estas ke ĝis la 18-a de marto, ni ne ricevis materialon el BEJO, niaj karaj junuloj, estonteco de nia movado al kiuj ni ĉiam pretas transdoni niajn helpojn kaj senrezervajn subtenojn. La ĉiama demando, kion fari? Kaj ni devas fari la 21-an jarcenton, la 3-an jarmilon, la tasko estas de ni ĉiuj.

Viaj redaktantoj

# KONSILANTARO

**Profitante la inviton por la solenaĵo de la 14-a de aprilo, kie sendube vi amasege partoprenos, ni decidis okazigi kunvenon de la Federacia Konsilantaro en 11-12-13 de aprilo kun la celo revigligi ties agadon... Kiel vi scias restas vere multe por fari kaj ĉio ne povas resti sur la ekskluziva ŝultro de la estraro, de la BEL-oficejo. Ne forgesu: NI LABORU KUNE, tial ni invitas ĉiujn BEL-Konsilantojn aŭ ties reprezentantojn, same kiel ĉiujn laborpretajn kaj influajn BEL-membrojn por efektiva partopreno al tiu evento.**

**Sendube kelkaj el vi ricevis nian cirkuleron de 24/02/97, ni atendos vian nepran reagon. Dankon kaj ĝis baldaŭ.**

**G. Ledon, prezidanto de BEL-Konsilantaro**






- Jes, mi estas inventisto, kial?

# NIA LINGVO

## EKRIGARDO AL LA ESPERANTA ETIMOLOGIO

(Resumo de prelego farita en la 10a Renkontiĝo de Esperantistoj, Cabo Frio, majo 96)

Koni la etimologion de Esperanto estas utile, interalie:

a) por defendi la lingvon kontraŭ akuzoj pri artefariteco;

b) por montri ĝian internaciecon;

c) por familiariĝi kun la vortotrezoro de hindeŭropaj lingvoj.

Aparte interesas konatiĝi kun la principoj kaj kriterioj uzitaj de Zamenhof por elekti radikojn kaj afiksojn el la hindeŭropa fonto, tiel ke ili harmonie integriĝis en la genie elpensitan strukturon de Esperanto, pli proksiman al la aglutinaj kaj izolaj lingvoj de oriento.

La *primitiva radikaro* de Esperanto prezentas jenan *etiman distribuon*(1):

Latina deveno: 84%; ĝermana: 14%; slava (1,5%); greka (0,5%).

Oni tamen ne forgesu, ke radikoj latinaj troviĝas amase en ĝermanaj kaj slavaj lingvoj. Pro tio la internacieco de Esperanto estas ankoraŭ pli granda, ol oni povus konkludi el la ĉi-supraj nombroj, kiel montras jena informo de la rusa lingvisto V. Varankin(2): el la 2.629 radikoj el la Fundamento, nur 13% estas *fremdaj* al la franca, 30% al la angla 32% al la germana kaj 60% al la rusa lingvoj.

Laŭ atesto de esperantologoj (3,4,5,6), kaj de Zamenhof mem, jen *kriterioj uzitaj por elekto de la esperantaj vortoj*:

a) vortoj el la hindeŭropaj (ariaj) lingvoj adaptitaj al la esperanta gramatiko;

b) kriterio de internacieco;

c) evitado de kolizioj kaj de homonimoj;

d) mallongeco, taŭgeco por pluformado;

d) kultura graveco de la devena lingvo;

e) klareco (fonetika kaj semantika)

Tiuj kriterioj klarigas la iafojan elekton de radikoj malpli internaciaj, de mezaj formoj inter du lingvoj, kaj ŝanĝojn en la formo de internaciaj radikoj. Nur kelkaj ekzempletoj ĉar spaco ne permesas detalojn: jaro kaj ne ano, por eviti la homoniman sufikson; varma, ne kalida, pro la simileco kun angla cold, germana kalt, kiuj havas malan sencon; planedo, ne planeto, pro la sufikso et, ktp. Kompreneble ne ĉiuj elektoj estas objektive klarigeblaj: iuj aŭtoroj (6,7) opinias, ke Zamenhof ankaŭ elektis malpli internaciajn ĝermanajn radikojn nur tial, ĉar li volis altiri al Esperanto ĝermanparolantojn.

La *afiksoj kaj gramatikaj finaĵoj*, unuavide pli artefaritaj ol la vortoj, havas ankaŭ naturan fundamenton kaj estis elektitaj laŭ logikaj konsekvencaj kriterioj (3,11):

*O*: trovigas en vortoj kiel antropos, kosmos (greka), radio, piano, socialismo (internaciaj), capo (itala); *A*: elementar, original, racional; *E*: bene, saepe, mane (latina), dobre(slava), lange, nähe (germana); *I*: rusaj infinitivoj itti, vesti, nesti, latinaj uti, fungi. La plurala finiĝo *J* en la greka (hai hierai bibloi/ la sanktaj libroj); la akuzativa *N* en la greka (ton logon/ la parolon), germana (den Knaben/ la knabon); la verbaj finaĵoj *AS, IS, OS, U* havas pli-malpli ekvivalentajn formojn en la hebrea kaj letona. Participaj finaĵoj *ANT, INT, ONT* ktp similas al latinaj: amantem, punientem, amatum, punitum; al franca aimant, al germana liebend, geliebt. *BO*: beau-frére(franca); *DIS*: discurrere(latina), disseminer (franca), distribuir (portugala, hispana); *EK*: ekgelan, eklampein(ekridi, ekbrili, en la greka), exclamare (latina), s'écrier (ekkrii, franca), *EKS*: ex-président; *MAL*: maladroit (mallerta, Franca), malaccorto (mallerta, itala); *GE*: Geschwister (gefratoj, germana); *MIS* misunderstand (miskompreni, angla), missbrauchen (misuzi, germana); *PRA*: pradied (avo, rusa), pronepos, pranepo, (latina); *AR*: slovar (vortaro, rusa), vocabulário, claviculário (port.); *ER*: meros (parto, greka), exemplaire (franca); *ET*: libretto (itala), maisonette (franca); *EG*: koljaga (stangego, rusa), mega (granda, greka); *EJ*: Abtei, Auskunftei (abatejo, informejo, germana), bibliopoleion (librejo, greka); *UJ*: adaptita formo de EJ. Koincidoj: étui (etujo, franca), mangiatoia (mangujo, itala); *EM*: franca aime(amas); *EBL*: comparable, pardonnable; *OBL*: double(angla, franca), doble (hispana); *ON*: fraction (franca); *OP*: el la litova dvejopas, ketveriopas (duopa, kvaropa); *AD*: promenade, cannonade (franca); *AĴ*: lainage, laitage (lanaĵo,laktaĵo, franca); *IST*: fleuriste, flutiste (floristo, flutisto, franca); *IN*: Schneiderin, Fuchsin (tajlorino, vulpino, germana), regina (reĝino latina); *ING*: Daumling (fingringo, germana); *EC*: bellezza (beleco, itala), tristesse (franca), pobreza (port.); *ESTR* maestro, bourgmestre, Bürgermeister (urbestro, franca/ germana); *AĈ*: casaccia, lettaccio (domaĉo, litaĉo, itala); *IL*: utensilio, outil(ilo, franca), Schlüssel

(ŝlosilo, germana), kormilo (direktilo, rusa); *NJ*: Sonja, Manja (slavaj virinaj karesnomoj); *Ĝ*: Aljoŝa, Iliuŝa (slavaj viraj karesnomoj); *ID*: Pelopsides, Kronides (grekaj derivaĵoj de Pelops, Kronos); *ISM*: Cristianismo (internacia); *AN*: urbanus, romanus (latina), maometano (port.); *IND, END*: legendus, audiendus (latina); *UL*: garrulus, bibulus (babilulo, drinkulo, latina); *UM*: radium, podium, referendum (latina).

La *korelativa tabelo*, kiun multaj opinias artefarita, havas modelojn malpli kompletajn en la greka, rusa, bulgara kaj angla:
Esperanto: kiu, kia, kiom, kie, kiam, kiel, kio, kial
Rusa: kto, kakoj, ...,...,kogda, kak, ĉto
Greka: ostis, opoios, oposon, ou, ote, os, ... , ...
Angla: who, what, ..., where, when, ..., what, ...
Esperanto: tiu, tia, tiom, tie, tiam, tiel, tio, tial
Rusa: tot, takoj, ..., tut,. togda, tak, to, potomu
Greka: ..., poiosde, posonde, ..., tote, outos, ...,...
Angla: that, ..., ..., there, then, ..., that, ...,

Kaj simile: neniu nenia, neniom, nenie, neniam, neniel, nenio, nenial/ nikto, nikakoj, ..., ..., nikogda, nikak, niĉto/ nobody, nowhere, never, nothing, ktp.

La *gramatikaj vortoj*, nome personaj pronomoj, primitivaj adverboj, konjunkcioj, subjunkcioj ankaŭ estas plene internaciaj: *personaj pronomoj* (mi, vi, li, ŝi, ĝi, ni, ili, oni, ci, si) havas similaĵojn en la angla (he, she, we), itala (mi, ti, ci, li,), rusa (oni, mi, ti, vi), franca (on). *Primitivaj adverboj*: adiaŭ, ankoraŭ, apenaŭ , hieraŭ, ĉi (itala, franca), ĵus (franca/ angla justement, just), mem, ne (franca, rusa), pli, plu, plej (latina plus, itala piu), preskaŭ, tre, tro (franca) tuj (litova tuoj, franca tout de suite), ajn (germana irgend ein, angla any), baldaŭ, ja (germana bald, ja), for (germana fort, angla forth), ju ... des (germana je... desto), morgaŭ, ol (germana morgen, als) nun, jam, hodiaŭ, kvazaŭ (latina nunc, hodie, iam, quasi), almenaŭ, ankaŭ (itala), jes (angla), ĉu (pola czy). *Prepozicioj*: al, antaŭ, apud, ekster, el, inter, kontraŭ, kun, per, post, preter, pro, sen, sub, trans (latina); pri (greka peri, rusa pri), po, krom (rusa); ĉirkaŭ, da, tra, (itala); ĉe, de, malgraŭ (franca); anstataŭ, je, laŭ (germana anstatt, je, laut). *Konjunkcioj/subjunkcioj*: aŭ, nek, sed, tamen, dum, kvankam, ke, se (latina), kaj (greka); ĉar, ĝis (franca car, jusqu'a ce que); do (franca donc, germana doch); nu (germana).

La esperanta etimologio havas ankaŭ siajn misterojn kaj *kuriozaĵojn*. Eble la plej konata rilatas al la vorto *edzo*, pri kies deveno oni plurfoje demandis al Zamenhof. Laŭdire (8) tiu vorto originas el la judgermana:
rebe/ rebecin (rabeno, rabenedzino). El ĉi-lasta derivaĵo Zamenhof prenis la vorteron *ecin*(edzin) kaj faris la vorton edzo. Sed respondante al antaŭaj konsultoj la Majstro diris, ke edzo venas el germana Kronprinz/ Kronprinzessin (kronprinco/kronprincedzino), aŭ el la franca princesse (princino), per simila derivado, nome: esse/ edz. Ankaŭ interesa estas la deveno de *tuj*, kiu laŭ André Albault (9) venas el litova *tuol* (kun la sama prononco esperanta). Fine, la elekto de *bird*, malpli internacia ol aliaj radikoj, laŭ Bernard Golden (6), rezultis el influo de Volapük.

Kaj se oni analizos esperantan tekston, kion oni trovos, koncerne la devenon de la vortoj? Mi ekzamenis du tekstojn, unu klasikan, alian modernan: en la unua (Zamenhof,1913, Parolado super la tombo de Bourlet), kun ĉirkaŭ 660 vortoj, mi trovis nur 3,13 % da *ne-latinaj* etimoj (pri, trafi, bildo, kaj, for, tuj, ek, puŝo, baldaŭ, helpado, helpanto, ŝuldas danĝero, vorto, danki). En la dua, kun 1067 vortoj, (Ivo Lapenna,1965, Parolado kontraŭ la lingva diskriminacio), troviĝas sole 1,59% da nelatinaĵoj (strato, verko, jaro, lando, celo, ĉu, rajto, kaj, jes, bedaŭrinde, ja, dangero, laŭ). Kion konkludi? Ke laŭ vidpunkto de la vortotrezoro, Esperanto vere estas la "lastenaskita latinida lingvo", aŭ la "latino de demokratio". Unu lingvisto (10) asertas, ke laŭ sia profunda strukturo ĝi estas izola, orienta lingvo, kaj, laŭ la sintakso, slava.

Ni do havas motivojn por fieri pri tia diversflanka internacieco de Esperanto.

Floriano Pessoa

*Bibliografio:*

1) Mattos, Geraldo: "La deveno de Esperanto", Fonto, 1987, kaj Etimologia Vortareto Pragmata de Esperanto, Yamasaki Seikô, Libroteko Tokio, 1991.

2) Varankin, V., "Teorio de Esperanto" citita de:

3) Waringhien, G., ABC d'Esperanto à l'usage de ceux qui aiment les lettres", SAT-Amikaro,1967.

4) Atanasov. A.D., "La lingva esenco de Esperanto", UEA,1983.

5) Collinson. W.E., "Germanic elements, in the vocabulary of Esperanto", revuo Esperantologio", nov. 59.

6) Golden, Bernard. "La influo de Volapük sur la ĝermanan komponanton de Esperanto", en "Li kaj Ni", TK, 1985.

7) Stojan Petro, "Deveno kaj vivo de la lingvo Esperanto", Flandra Esperanto - Instituto, 1953.

8) Waringhien, G., "1887 kaj la sekvo", Flandra Esperanto - Ligo, 1990.

9) Albault André Etimologio: pra-Esperanto kaj Mistrala Lingvo, revuo "Esperantologio", junio 61.

10) Piron Claude. "Esperanto- ĉu europa aŭ azia lingvo?", UEA, 1977.

11) Waringhien, G., "Lingvo kaj Vivo", J. Regulo, 1959.

# PROFESORO DOKTORO IVO LAPENNA

(1909-1987, li vivis 78 jarojn)
Kompilis Alberto Flores

Mi konis lin persone dum la Universala Kongreso de Esperanto kiu okazis en Mainz (Moguncia), Germanio, en 1958. Li estis viro alta, maldika, eleganta, bone edukita kaj simpatia, kiu fumadis cigaredojn pere de longa cigaredingo.

Li naskiĝis en Jugoslavio, kaj tie estis profesoro pri internacia juro en la Universitato de Zagreb. Pro politikaj kaŭzoj (li ne toleris la komunistojn) li eliris el Jugoslavio kaj fariĝis kunlaboranto en la Londona Universitato, ĉar li estis mondfama sciencisto pri internacia kaj kompara juro.



Kurioza afero estas ke Ivo Lapenna estis ankaŭ artisto, profesinivela violoncelisto. Li posedis fortan personecon kiun li uzis dum 60 jaroj por akceli la lingvon kaj kulturon en la Esperanto-Movado.

Dum 30 jaroj li estis Ĝenerala Sekretario de UEA, kaj tre efike agis en tiu posteno.

Dum 10 jaroj (1964-1974) li estis la Prezidanto de Universala Esperanto-Asocio (UEA), ĝis kiam, pro politikaj kaŭzoj (eble pro la tono de supera aŭtoritato kaj fiera supereco), dum la Universala Kongreso de Esperanto, en Hamburgo (1974) estis klare ke Lapenna ne estos reelektita kiel Prezidanto de UEA. Ofendite kaj ne volante malgajni elekton, li retiriĝis kiel kandidato, kaj forlasis UEA.

Liaj amikoj ne hezitis priskribi la eventon de Hamburgo, en 1974, kiel "puĉon", kiu preskaŭ kaŭzis skismon en la Esperanto-Movado. Lapenna, kune kun kelkaj geamikoj, forlasis UEA kaj ĉiujn postenojn en ĝi, inkluzive la honorajn membrecojn de UEA kaj TEJO, kaj firme malakceptis la honoran prezidantecon de UEA.

Malgraŭ tiu bedaŭrinda okazintaĵo, kiu makulis nian historion, Ivo Lapenna estis elstara administranto kaj gvidanto. Li kreis (en 1952) CED - Centro de Esploro kaj Dokumentado - pri la mondlingvo, kaj estis ĝia Direktoro. Li reorganizis la ISU - Internacia Somera Universitato, enkondukis Belartan kaj Oratoran Konkursojn; reorganizis la Internacian Informan Fakon, kaj klopodis, per ĉiuj fortoj, altigi la prestiĝon de la Esperanto-Movado.

En la Ĝenerala Konferenco de UNESCO, en Montevideo (1954) li akiris grandan sukceson: UNESCO aprobis rezolucion favoran al Esperanto kaj ligis sin al UEA, en konsultajn rilatojn.

Lapenna estis unu el la plej brilaj kaj inteligentaj oratoroj en la historio de Esperanto. Estis (kaj ankoraŭ estas) vera plezuro aŭdi la paroladojn de Lapenna, ĉar li posedis fortan voĉon, parolis klare kaj korekte, bone sciis uzadi la vortojn, la voĉon, la gestojn, kun belaj parolturnoj kaj parolfiguroj, kaj elegantaj kaj bone konstruitaj frazoj.

La eliro de Ivo Lapenna el la Esperanto-Movado estis nekalkulebla perdo; sed oni devas respekti lian sintenadon pri kelkaj aferoj de nia internacia agado. Lapenna estis, ĝis oste, kontraŭ la eniro de komunistaj Esperanto-organizaĵoj en nia neŭtrala UEA. Eble li pravis, ĉar li bone konis la kulisojn de tiuj organizaĵoj.

En 1987, post 13 jaroj de lia eliro de UEA, oni preskaŭ trovis manieron fari la pacon kun li. Oni invitis lin por esti la Rektoro de la Internacia Kongresa Universitato, dum la Universala Kongreso kiu okazos en Brajtono, en 1989. Oni promesis ke UEA publike deklaros, ke ĝi "Forte bedaŭras la personajn atakojn, ofendojn kaj insultojn kontraŭ li faritajn", sed, bedaŭrinde, post unu monato, Lapenna forlasis nian mondon. Li mortis en 1987, kaj la promesoj forgesiĝis!

## VERKOJ DE IVO LAPENNA

"Retoriko" - (1950-1958-1971) - Estas lia ĉefverko. Informas pri kulturo, lingvo kaj lingvistiko. Resumas ĉion sciendan pri la parolarto, pri kio Lapenna estis majstro. 'Elektitaj Parolantoj kaj Prelegoj" - (1966) - Kolekto de liaj plej famaj paroladoj pri Esperanto-Movado, nia kulturo kaj lingvo. "La Internacia Lingvo" - (1954) - Faktoj kaj informoj pri Esperanto. Esperanto kiel solvo de la problemo de internacia lingvo. La Esperanto-organizaĵoj, iliaj celoj kaj laboro. UEA: historio kaj laboro. "Aktualaj Problemoj en la nuntempa internacia vivo" (1954) - Populare verkita libro pri la internaciaj problemoj.

"Esperanto en Perspektivo" (1975) - Krono de multjara esplora kaj dokumenta laboro de CED (Centro de Esploro kaj Dokumentado), de li fondita.
"Hamburgo en Retrospektivo" - Pri la okazintaĵoj antaŭ kaj post la Internacia Kongreso en Hamburgo - 1974.
"Kritikaj Studoj defende de Esperanto"
"Juraj Terminologiaj Problemoj" - Pri sia jura specialeco.

# Kuracisto Opinias

## KOLESTEROLO KAJ KORINFARKTO

Ekzistas en la kapo de laiko du kolesteroloj = unu bona, alia, malbona. Bona estas la HDL. Malbona, la LDL. Sed nek unu nek alia estas kolesterolo, ambaŭ estas lipoproteino, t.e., graso ligita al proteino.

La sango estas en akva medio. Ĉar graso ne solviĝas en akvo, solvebla en tiu medio, la naturo faris ĝin, ligante ĝin al proteino kiam estas pli granda la kvanto da proteino en tiu kombiniĝo, pli granda ankaŭ estas ĝia solveco, kaj do ĝia denseco, ĉar graso estas malpli densa ol proteino. HDL estas lipoproteino el alta denseco, kaj do pli solvebla, ne deponante en la parieto de sangaj vazoj, do ĝia nomo bona "kolesterolo". LDL, la malbona "kolesterolo", estas lipoproteino el malalta denseco, facile deponante por formi ateromon en arterioj, ebligante ilian obstrukcon, kaj do la korinfarkton.

Tiel eble kolesterolo havas nenian partoprenon en la formiĝo de ateromo. Cetere ia partopreno eble okazas, ĉar ĉela membrano enhavas kolesterolon.

Grasa deponado, por formi ateromon, dependas ekskluzive el genetiko kaj manĝaĵo. Se oni manĝas multe da graso aŭ glukozido, tiu eksceso transformiĝos je LDL, kaj deponos, formante ateromon. Por tio oni ne bezonas manĝi multe da graso aŭ kolesterolo. Sufiĉas ke oni manĝas multe da glukozido. Kial?

La espliko estas jene: krom vitaminoj kaj mineralaj saloj niaj manĝaĵoj enhavas tri bazajn substancojn nomatajn proteino, graso kaj glukozido. En nia organismo unu transformiĝas je alia en la ciklo de Krebs. La glukozo (glukozido) povas transformiĝi je graso, aŭ eĉ proteino ricevinte nitrogenon en ĝia molekulo.
Tiel se oni manĝos multe da glukozido (pano, rizo, makaronio, dolĉaĵo ktp.), tiu eksceso transformiĝos je graso, kaj deponos nur en adipa histo aŭ ankaŭ en arterioj, kaj ĉio dependas de genetiko. Ĉi tiu devas okazigi pezan eksceson aŭ eĉ obezecon, arterioj estas evititaj, kaj oni povas vivi pli ol 90 jarojn, spite la deformeco. Sed genetiko laboras por deponi grason en arterioj, tiuj finfine estos obstrukcitaj, okazigante korinfarkton aŭ cerban malsanon, kiam la obstrukco estas en arterio de la cerbo.

Medicino konstante progresadas, kaj kelkfoje aperigas ian novaĵon. Kolesterola restrikto estas unu. Sed tiu substanco ne estas malbonega, kiel oni supozas. Male ĝi estas tre utila, ĉar devenas el ĝi la vitamino D, seksaj hormonoj, hormono el la surrenaj glandoj kaj galaj acidoj. Krome la produktado de kolesterolo en nia organismo estas kvin aŭ sesoble pli granda ol tiu devenanta el nutrado.

Je 3.12.95 mi legis en ĵurnalo "O Globo", ke la aminoacido homocisteino en granda kvanto povas blokadi koronarajn arteriojn kaj cerbajn vazojn. 25% de kormasanuloj kaj 40% el cerba sangfluo enhavis grandan kvanton da homocisteino en la sango. Tiel tiu aminoacido estas la nova malamiko de la koro kaj anstataŭ graso estas la proteino, kiu faras malbonon al homo. Ĉu por preventi tiujn malsanojn, oni rekomendus, ke ni devas ne manĝi multe da preoteino?

Ordinare kiam LDL altiĝas, la kolesterolo ankaŭ altiĝas, eble pro tio oni supozas malbonega la kolesterolon.

Se oni pruvos, ke altiĝo de homocisteino en la sango dependas de la altiĝo de LDL kaj inverse, tiu aminoacido anstataŭigos kolesterolon, la kuracistoj rekomendos, ke malpli da proteino oni manĝu, kaj tiu rekomendo devus esti farita antaŭe.

José Róiz



Tre bongustaj kolesteroloj - N.D.L.R.



## Ruza Kuracisto

Kuracisto estis urĝe vokita al paciento, kiu ege suferis pro forta fiŝosto enpikiĝinta ĉe la gorĝo. La kuracisto tre lerte kaj rapide sukcesis forigi la pikilon. Post tiel feliĉa operacio, la kliento demandis:

- Kiom mi devas pagi?

Al kio la kuracisto tuj respondis:

-La duonon de tiu sumo, kiun tre volonte vi estus paginta, kiam la fiŝosto ankoraŭ ŝiris vian gorĝon.

## Transverŝado de latinaj proverboj en verdajn botelojn

### Latinaj proverboj estu tradukitaj

Antaŭ nelonge okazis disputo inter mi kaj supraĵe erudicia itala esperantisto pri lia lardado de tekstoj en Esperanto per latinaj esprimoj kaj proverboj sen traduko en Esperanto. Mi kondamnis tiun kutimon kiel ekzemplon de lingva snobismo. Mia starpunkto estas, ke Esperanto, *ne* la latina lingvo, estas la internacia lingvo nuntempe, do latinaĵoj ne havas lokon en verkoj destinitaj al universala interkomprenigo trans-naciaj kaj lingvaj limoj. Mi malfacile povis konvinki mian kontraŭulon, ke esperantistoj bezonas liajn altruditajn latinajn vortojn kaj frazojn same kiel truon en la kapo! Tiu obstina polemikulo, ne dezirante bremsi sian latinomanion, tondre respondis al mi per jena perlo de klasika saĝo: *Quot kapita, tot sententiae!* Bedaŭrinde, okazis al tiu ulo *lapsus calami* (fuŝpuŝo de la plumo), ĉar li surpaperigis *kapita* anstataŭ la ortografie ĝusta latina vorto *capita*.
Ve al li! *Aliquando bonus dormitat Homerus.* Cetere, ne glitis nur la plumo de tiu obsedata latinismemulo. Lia citaĵo *Quot capita, tot sententiae* estas kunmetaĵo de du malsamaj latinaj proverboj: (1) *Quot homines, tot sententiae* (Kiom da homoj, tiom da opinioj) kaj (2) *Quot capita, tot sensus* (Kiom da kapoj, tiom da signifoj). Estas ja evidente, ke inter ili estas nuanca diferenco. Por ke ili estu trinkebla el la verdaj boteloj, mi modifis la formuladon jene: (1) *Quot homines, tot stultitiae* (Kiom da homoj, tiom da stultaĵoj) kaj (2) *Quot capita, tot pulices* (Kiom da kapoj, tiom da puloj). Ne estas eble nei, ke ankaŭ miaj originalaj kreaĵoj, ĝuste ĉar ili estas en la latina lingvo, devas posedi tiun "praavan saĝon", kiu eksterordinare imponas al la lingvosnobo.

Nu, la celo de tiu ĉi artikolo ne estas krei novajn eternajn kaj saĝajn veraĵojn en la *latina* lingvo. Kiel ni ĉantis angle en niaj latinlecionaj klasĉambroj:

*Latin is a language*
La latino estas lingvo

*As dead as dead can be.*
Tute morta kaj senviva.

*It killed all the Romans,*
Ĝi mortigis ĉiujn romianojn,

*And now it's killing me!*
Kaj nun ĝi estas mortiganta min.

Pro tio ne havas sencon resurektigi ĝin.

*Kial esperantigi latinajn proverbojn?*

Ĉiuokaze, estas evidente, ke al kelkaj esperantistoj kiel la ĉi-supre menciita lingvosnobo, jukas la lango por elbuŝigi versiojn de latinaj proverboj, kiuj efike tiklos la orelojn de aliaj verdstelanoj, kondiĉe ke ili povas kompreni ilin. Sekve, bona lingvo-ekzerco estas formuli aktuale uzeblajn saĝajn eldirojn en Esperanto, bazitajn sur latinlingvaj modeloj. Jen mia rikolto post kelkhora cerbumado.

## Principoj de komponado por transverŝi latinajn proverbojn en verdajn botelojn

Por ke la Esperantaj versioj estu facile parkerigeblaj, estas konsilinde, ke ili havu la samajn kvalitojn, kiuj karakterizas la proverbojn tradukitajn de d-ro Zamenhof kaj publikigitajn en *Proverbaro Esperanta*. Ili posedas jenajn trajtojn:

A- *Koncizeco*. Mallongaj eldiroj povas havi la formon kaj efikon de frapfrazoj aŭ sloganoj, do ili estas tre facile enkapigeblaj kaj ripeteblaj.
B- *Poezieco*. En siaj tradukitaj versioj Zamenhof konservis la duopan ritmon de la etnolingvaj originalaj proverboj.
C- *Belsoneco*. Proverboj estas belsonaj, se ili enhavas purajn rimojn aŭ rimoidojn.
Ĉ- *Sonoreco*. Proverboj fariĝas sonoraj per apliko de sonfiguroj kiel aliteracio, asonanco, kaj ankaŭ per uzo de elizio.
D- *Spriteco*. Facile fiksiĝas en la memoro proverboj, kies enhavo estas sprita, blaga, humura kaj eĉ pseŭdoserioza, kontraŭdira aŭ sensenca.

| LATINAJ ORIGINALOJ | ESPERANTAJ VERSIOJ |
|---|---|
| Quot regiones, tot mores. | Kiom da reĝimoj, tiom da kutimoj. |
| a. Quae nocent, docent.<br>b. Post mala prudentior. | Post malbonaĵo, venas la saĝo. |
| Festina lente. | Iru glate, ne glite. |
| Qualis rex, talis grex. | Kia la reganto, tia la regato. |
| Nomen est omen. | En la nomo aperas la homo. |
| a. Nemo nascitur artifex.<br>b. Nemo nascitur sapiens, sed fit. | Neniu fakulo estiĝas kiel denaskulo. |
| Poeto nascitur, non fit. | Poeto estas denaskulo, ne doktulo. |
| Difficile est vacuo verbis imponere ventri. | Se malsatas ventro, malplenas la menso. |
| Varium et mutabile semper femina. | Nekonstantaj estas virinaj sentoj, same kiel blovoj de ĉiuj ventoj. |
| De gustibus non est disputadum. | Pri koloroj kaj doloroj ne akordas la doktoroj. |
| Omne nimium nocet. | Ĉiu eksceso estas absceso |
| Eius cantilenam canas, cuius plaustro veheris. | Ties kanton oni kantas, en kies ĉaro oni veturas. |
| Quanto altius ascendit homo, lapsus tanto altius cadet. | a. Ju pli alten vi iras sen averto, des pli post falo doloros la verto.<br>b. Kiu faras tro altan flugon, post falo frakasos la pugon. |
| Si fueris Romae, Romano vivito more. | Dum via restado ĉe homoj fremdaj, iliaj kutimoj estas sekvendaj. |
| Columbini okuli in serpentio corde. | Kolombaj okuloj en kolubra koro |
| Mel in ore, fel in corde. | En buŝo mielo, en koro galo. (En sia *Proverbaro* Zamenhof registris: "Lango miela, sed koro kruela".) |
| Qui multum habet, plus cupit. | Kiu multon posedas, eĉ pli avidas. (La zamenhofa versio estas: "Ju pli oni posedas, des pli oni deziras".) |
| Auro quaeque janua panditur. | Ja povas eta Ĉefeĉ-ŝlosilo malfermi pordojn eĉ de Babelo. |

**"Bona vino ĉe la fino", sed "venis fino al mia latino".**

Bernard Golden

## Pri frenezuloj




En neniu "deca frenezulejo mankas iu Napoleono. Iam en imagurba frenezulejo troviĝis du tiaj "eminentuloj". Kiam ili renkontiĝis, ili baraktis; sekve la vundoj tiel abundis, ke la direktoro enpostenigis du flegistojn por speciale zorgi pri ili. Tiu situacio estis tro multekosta, tial la gvidantaro de la frenezulejo decidis forigi la specialajn flegistojn kaj enĉambrigi kune la malamikajn gastojn, ĉar tiel - kredeble - nur unu postrestos!

Nu, pensite kaj farite: oni ŝlosis ilin kune, kun espero pri sukcesa rezulto. Post nelonge aŭdiĝis bruego sekvita de tre longa silento. Kiam la timoplenaj flegistoj malfermis la pordon ili ekvidis idilian paron. La flegistestro demandis kun scivolemo:

-Kiu estas Napoleono?

Unu el la du, pozante man-sur-bruste, respondis:

-Mi estas.

Tiam la oficisto sin turnis al la alia:

-Nu, kiu do vi estas? kaj la demandito respondis mildvoĉe:

-Mi estas... Jozefino!.

## AMERIKANOJ

Esperanto estas lingvo, kiu reduktis la eblecon, ke unu vorto havu pli ol unu signifon. Oni diris, ke ĝi reduktis el dek procento de la naturaj lingvoj al unu procento. Tio helpas al la komprenado kaj ankaŭ faciligas la aŭtomatan tradukadon. Laŭ mia opinio, tio ankaŭ montras la deziron esti pli klara kaj certa dum la komunikado. Plursignifaj vortoj okazas laŭ diversaj manieroj en naturaj lingvoj.

Unu el tiuj manieroj estas la deriviĝo de verbo, kiu tiel fariĝas substantivo. Tiukaze eblas la solvo de la situacio per analizo de la funkcio de la vorto en la frazo (sintakso). Aliaj kazoj ekzistas, kie nur eblas solvi la konfuzon pere de analizo de la paragrafo. La konfuzo povas ne ĉiam esti solvita, ĉar eĉ se oni klopodas uzi la lingvon por transdoni kompletajn ideojn, la rezulto ne estas perfekta. Verkistoj intence uzas tion kelkfoje ĉar eblas konduki la publikon el unu afero al alia tiel rapide, ke oni ne perceptas la magion kaj eĉ admiras la aŭtoron.

Estas tre popularaj inter la brazilaj infanoj ŝaradoj kaj divenludoj, kies solvoj okazas nur per la du signifoj de unu vorto.

Mi kredas, ke la personoj evitas aldoni dusignifajn vortojn al la lingvo, sed kelkfoje tio okazas. La ekzemplo, kiun mi prezentas por tio estas la vorto "americano", kiu en la hispana kaj portugala lingvo signifas "iu el la kontinento Ameriko". La vorto "norte-americano" signifas "iu el Norda Ameriko" aŭ, pli precize, usonano. Mi konstatis tra la legado de brazilaj ĵurnaloj aperintaj dum la nuna jarcento, ke post la Dua Mondmilito oni ekuzis en Brazilo la vorton "americano" por signifi "iu el Norda Ameriko", donante du signifojn al la vorto, la tradician kaj la novan.

Signifojn, kiun oni ne facile povas solvi, ĉar la rilato inter ili estas proksima. Mi atribuas la okazajon al la malkompetenta traduko fare de malsaĝaj personoj, kiuj konis la usonan vorton "american" (usona) kaj tradukis ĝin kiel "americano".

La plej nova signifo estas la plej uzata nuntempe, sed ne pro tio ne okazas konfuzoj. La plej konata televida reto Globo, gravaj ĵurnaloj kaj revuoj uzas unu vorton aŭ la alian laŭ la okazo. La fama muzikisto Milton Nascimento verkis "Coração Americano", Gilberto Gil kaj aliaj "Soy loco por ti America", ĉiam signifante la amon al la kontinento, daŭrigante la revon kiun Kolumbo kreis por la "Nova Mondo" .

Ni povas konsenti, ke Usono vere aldonis novan vivmanieron al la mondo, sed ni ne devus rezigni pri nia propra vivmaniero. Ĉiu havas siajn proprajn valorojn kaj difektojn. Mi opinias, ke ni devus uzi "norte-americano" por esprimi "usonanon", laŭ la tradicia maniero. La nura difekto, kiun mi perceptas en tiu uzmaniero estas neglekti la kanadan parton de la kontinento, difekto antaŭa al nia epoko, do la solvo agus kontraŭ tradicio.

Mi multe pensis antaŭ skribi tiun ĉi artikolon. Mi ne estas lingvo-sciencisto kaj ne bone konas la historion de Brazilo, ĉar mi studis en Argentino. Mi finfine decidis skribi por samtempe demandi la opinion de brazilanoj, kiuj povus havi pli da informoj pri la afero. La decido okazis kiam mi aŭdis kaj legis la novan vorton "americano" kun la signifo "norte-americano" en Argentino. Tiu ŝanĝo certe okazis dum la lastaj dekok jaroj, eble dum la fifama diktatora periodo.

Mi esperas ke la temo interesos al la legantoj, kaj eble iu povos klarigi al mi ĉu la franca vorto "américain" havas similan historion. Aŭ kiel la angla vorto "football" devenis "soccer" en usono.

Jozefo J. Lunazzi

NDLR - Jes la franca vorto "américain" havas signifon de "usonano" kiel ĉe la portugala kaj hispana lingvoj.






# Brazila Esperantista Junulara Organizo

NE SENDIS MATERIALOJN POR SIAJ REZERVITAJ PAĜOJ - NDLR




El nia historio...

## Antaŭ 85 jaroj

*Danke al esperantista amiko Jean Amouroux (FR), al miaj manoj venis presita cirkulero dissendita de "Esperantia Grupo de Bahia" en la fino de 1911, Jen ĝia kompleta (neŝanĝita) versio. Ĉu la projekto konkretiĝis? Ne troviĝas iu ajn referenco pri ĝi aŭ pri ĝiaj aŭtoroj en "Enciklopedio de Esperanto".*

Tre estimata Samideano!

Sub la aŭspicioj de U.E.A. ni pretendas organizi por la jaro 1912. kaj sekvantaj jaroj la **Almanako Esperantista**, de nia direktado, kunlaborota kaj redaktota de kompetentaj skribistoj en la belega lingvo de Zamenhof. Konsiderante ke vi grava allogo tre helpos nin por la efektiviĝo de tia grandioza entrepreno, ni petas vin bonvolu sendi viajn verkaĵojn kaj rimedigi por ke aliaj aŭtoroj esperantistaj sin enskribu kiel kunlaborantoj en ĉi-tia verkado, ĝis la 30-a de Novembro venonta.

Estos certe tre utila libro por la esperantistaro, kaj ĝi estos kunlaborata de esperantistaj verkistoj de l'tuta mondo; tiaj kunlaboraĵoj speciale traktos pri statistiko, historio, sciencoj, belartoj, artoj, beliteroj, geografio, filozofioj, moroj, socialismo, sociokratio, ktp. Ni donos la raporton de l'tuta movado esperantista tra l'tuta mondo kaj la portretoj de l'ĉefaj personoj rimarkindaj en la propagando de l'Esperanto, komencante per Zamenhof kaj la reĝino de Rumanio.

Mi vin dankas antaŭe vian kunhelpon en tia grava afero de ni iniciata, kaj certigas al vi niajn kontestojn de altestimo kaj dankemeco.

Affonso Costa
Sekretario de *"Esperantia Grupo de Bahia"*

Jayme Martin de Souza
Ano de *"Esperantia Grupo de Bahia"* kaj Vicdelegito de *U.E.A.* ĉe Bahia

James Rezende Piton
Kultura Centro de Esperanto, Campinas - SP
*kultura@turing.unicamp.br*

## MANOEL MOACIR SISCCATI

La esperanto-movado en Brazilo ekzistas, ĉar multaj senlacaj gesamideanoj laboras senĉese por ĝia vivo kaj prospero. Inter ili troviĝis s-ro Manoel Moacir Sisccati el Ribeirão Preto. Li estas profesoro pri lingvo. Li instruas, propagandas pri la internacia lingvo en sia progresema urbo kun sukceso. Pli ol 15 jaroj li kunlaboras kun la loka gazeto "GAZETA ATUAL", en kiu li aperigas sciigojn kaj lecionojn pri Esperanto.

Li estas delegito pri lingvo-instruado. Malgraŭ problemoj, kiujn okazigas lia sano, li ne ĉesas aktivi, sindediĉe al la aktuala internacia lingvo, Esperanto.

Antaŭ jaroj, en la Bulteno de Brazila Konsilantaro de Esperanto li aperigis verkon pri UFOLOGIO, pri kiu scienco li ankaŭ interesiĝas. Estas scienco, kiu studas la flugtelerojn... Tiam li diris: "Oni pensas, ke la alimondaj estuloj venas tie ĉi por studi nin. Sajnas al mi, ke se ili venas por fari militon ni ne rezistus al iliaj kosmaj radioj. Tamen ni ne devas maltrankviliĝi, ĉar tiuj estuloj jam prenis iujn homojn kaj ne faris iujn malbonaĵojn al ili, nur analizis ilin. Se fakte ekzistas alimondaj estuloj ni la teranoj salutas ilin kun emocio."

La usona astronomo Carl Sagan klopodis certiĝi, ke ekzistas vivo en aliaj planedoj. NASA elkovris bakteriojn sur planedo Marso kaj en aliaj glacion.

Samideanoj, kiel Manoel M. Sisccati estas gravaj, persistemaj esperantistoj, kiuj ĝis nun kondukis la movadon kaj iom post iom transprenas aliuloj por daŭrigi la laboron por Esperanto, ke realiĝu la revo de niaj gesamideanoj, kiel Manoel Moacir Sisccati.

Dankon al li !

Maria Almada

# Konsideroj pri Esperanto-Informado tra Internet: la kazo de KCE

James Rezende Piton,
TEJO-estrarano pri informado kaj Latinameriko

Kultura Centro de Esperanto
*<kultura@turing.unicamp.br>*
Caixa Postal 1097 - Campinas - SP 13001-970

Kultura Centro de Esperanto, en Campinas (SP), lanĉis en marto/96 sian "hejmpaĝon". Tio estas nomo de sistemo de grupigo de informoj, kiu funkcias pere de la komputila reto Internet. Tiuj sistemoj kompariĝas al gazetaj artikoloj aŭ revuaj propagandoj, sed kun aldonaj eblecoj: la konsultanto povas ekhavi son-specimenojn, bildojn, filmetojn, tutajn librojn aŭ komputilajn programojn.

Por tiuj, kiuj ankoraŭ ne vizitis ĝin, jen la adreso **http://www.aleph.com.br/kce** (ĉiam observu minusklajn kaj majusklajn en Internet-adresojn, aŭ vi ne sukcesos atingi). Ĝi estis la unua institucia paĝo pri Esperanto en la portugala, do kompreneble ĝi altiris atentojn. Kun la ioma-post-ioma apero de pliaj similaj paĝoj (kiel la jus bonveniginta paĝo de BEL ĉe ***http.// www.brnet.com.br/bel/bel.***) la informado estos pli facila, ĉar de unu hejmpaĝo oni povas "salti" al kiu ajn alia, tra ligiloj.

Ekde la lasta aŭgusto, la sistemo estis dotita de mezur-kapablo, kiu povas registri la nombron kaj devenon de vizitintoj. Ĉiuj ciferoj prezentitaj estas tre malgrandaj kompare al multaj hempaĝoj, pri ĉiaj temoj (ĉefe kompare al la maldecaj... sed tio estas alia kazo). Ni tamen estas tute kontentaj pri komencaj rezultoj de nia agado. Kluboj malofte disponas pri telefon-linio kaj respondilo kaj hejmpaĝo en Internet parte solvas tion, oferante dudirektan komunikadon kun la publiko, 24 horojn tage.

***Vizitintoj* al la hejmpaĝo de Kultura Centro de Esperanto**

| 1996 | aŭg | sep | okto | nov | Entute |
|---|---|---|---|---|---|
| el Brazilo | 80 | 130 | 141 | 159 | 510 |
| el Eksterlando | 22 | 47 | 71 | 43 | 183 |
| Nerekoneblaj | 71 | 107 | 119 | 103 | 400 |
| Entute | 173 | 284 | 331 | 305 | 1093 |

Ekde decembro, kiam la paĝo dividiĝis en pluraj sub-paĝoj (laŭ temoj: "Mas afinal, o que é Esperanto?", "Como aprender", "Cursos em Campinas", "Esperanto en la Reto", "Dek jaroj de aktiveco en KCE", ktp.), ni povis ektaksi ankaŭ la preferojn de la publiko al ĉiu temo. Tiu lasta eblo estas aparte interesa, ĉar ni povas pli facile kontentigi la bezonojn de nia publiko. Sed tio ŝanĝas iomete la sistemon de kalkulado. Ni povas rakonti pri la nombro da vizitintoj entute. Rimarku la bonegan kreskon en januaro, kiu tamen tute ne surprizis nin. Ĝuste en ferioj kaj feriotagoj la Internet-uzanto plej verŝajne havas pli da tempo por "vagadi" tra la reto kaj serĉi siajn informobjektojn.

***Vizitintoj* al la hejmpaĝo de Kultura Centro de Esperanto**

| 1996/97 | Aŭg/Nov | dec | jan | Entute |
|---|---|---|---|---|
| vizitintoj | 1093 | 395 | 583 | 2071 |

En tiu nova sistemo, ni devas difini la koncepton de "vizito", aldone al "vizitanto". Unu vizitanto eniras la paĝon kaj konsultas la paĝon pri kursoj kaj paĝon pri demandoj. Tio kalkuliĝas kiel unu vizitinto kaj tri vizitoj: la ĉefa paĝo plus du.

**Vizitoj al la hejmpaĝo de Kultura Centro de Esperanto, decembro/96 - junuaro/97**

| 1997/96 | Dec | Jan | Entute |
|---|---|---|---|
| Enir-paĝo | 395 | 583 | 978 |
| Esperanto en la Reto | 64 | 174 | 238 |
| CER - Curso de Esperanto pela Rede | 62 | 168 | 230 |
| Como aprender | 54 | 134 | 188 |
| Mas afinal, o que é Esperanto? | 45 | 96 | 142 |
| Virtuala vizito al nia urbo, Campinas | 28 | 54 | 82 |
| Sobre a Liga Brasileira | 32 | 63 | 95 |
| Sobre a Associação Portuguesa | 11 | 20 | 31 |
| *aliaj sub-paĝoj* | 89 | 179 | 268 |
| Entute | 780 | 1472 | 2252 |

Ja surprizas nin, ke "O que é Esperanto?" havas malpli da vizitoj ol "Como aprender". Ĉu tio signifas, ke oni jam havas klaran ideon pri Esperanto?
Por tiu kresko ankaŭ rolas la diskonigo de la portugallingva Internet-kurso, CER kunordigita de prof-ro José Lunazzi en KCE kaj ĉe kiu volontule kunagadas trideko da esperantistoj en la tuta Brazilo. Ekde de decembro la interesantoj ne nur legas pri la kurso, sed povas mem plenigi aliĝilon en la hejmpaĝo. Ambaŭ aferoj estas tre ligitaj vizitantoj kaj aliĝantoj. Ni spekulativas, ke ekde Marto plu estos multnombra la vizitado, ĉar feriantojn anstataŭigos la studentoj kaj lernantoj. Se por la studoj kaj informado de KCE, tio estas interesa fakto, d-ro Lunazzi jam havas siajn antaŭzorgojn pri la troa nombro da kandidatoj al la retkurso...
Alia trajto, kiu helpas en la komunikado inter KCE kaj la publiko, estas la "Gastlibro". Tiel ni informiĝas pri kiu, kiam, kiel el kiu urbo oni atingis nian adreson. La vizitanto povas skribi mesaĝon kaj mem legi la mesaĝon de aliaj vizitintoj. La mesaĝoj - almenaŭ po unu tage - plejparte enhavas kuraĝigajn vortojn, de esperantistoj kaj neesperantistoj, kio ja estas rekompenco al la giganta laboro daŭre aktualigi hejmpaĝojn.
Nia legantaro estas ankoraŭ limigita. En Brazilo estas unu persona komputilo po 100 enloĝantoj kaj 0,12 individuoj kun hejma retkapablo po 1000 loĝantoj! (En Usono estas 21,82 po 1000). Sed ni ne konsideru tion kiel absolutan nombron: la plej multaj uzantoj en Brazilo troviĝas en lernejoj kaj laborejoj. Ekzistas la perspektivo de pli kaj pli da bibliotekaj kaj senpage alireblaj internet-ejoj, kiel ekzistas en aliaj landoj. Tial Roberto Resende kaj James Piton, partoprenintaj la BEL-Seminarion pri Informado en novembro, sin proponis kiel kolektantoj de ideoj kaj agadoj por informado al tiu specifa celgrupo: la komputil- kaj Internet-uzantoj.
Ni fine devas publike danki al Inĝ. Cláudio Stegun, de *Estação Aleph*, en Campinas, la provizanto de spaco al nia hejmpaĝo. Kvankam la prezoj nuntempe estas pli kaj pli malaltaj - kaj do elteneblaj por kluboj kaj individuoj - li ĉiam tute senpage disponigis tion al ni, kiel simpatianto de Esperanto.

# Kurso de Esperanto per interreto

**Kio?**
Reta Esperanto-kurso, havebla en la portugala, angla, franca, germana ou ĉina, bazita sur la Cours Gratuit par Correspondance de la Esperanto-Societo de Kebekio. Ni esperas aldoni kursojn en aliaj lingvoj estonte.

**Kiom?**
Senpaga! En 10 lecionoj.

**Kiel?**
Instruantoj en retlando helpos vin, korektos viajn ekzercojn kaj sendos al vi sekvajn lecionojn.

**Kial?**
Por lerni Esperanton, kompreneble!

**Kiu?**
Por vi!

**Kie?**
Sendu mesaĝon al mi (adreso: vd. sube) kun via elektronika adreso, la nomo de via urbo kaj telefonnumero por kontakti vin, kaj mi sendos al vi la unuan lecionon, kune kun la retadreso de via instruanto.

**Kiam?**
Nun, se vi volas.

**Kia?**
Ekde la unua leciono, vi povos skribi - en Esperanto, kaj fininte la kurson, vi povos kompreni preskaŭ ĉiun Esperanto-tekston, (helpe de vortaro), kaj skribi simplajn tekstojn.

Mi atendas vian poŝtajon!

Prof. José J. Lunazzi
Kultura Centro de Esperanto
13001-970 - Campinas - SP - C.P. 1097
kultura@turing.unicamp.br

# REAGOJ

REAGO AL "STRANGA MALSANO" BE, nr. 294.

Tiu kronika laco okazas al multaj personoj. Kiel Paŭlo Sergio Viana diras tio okazas ekde la komenco de tiu ĉi jarcento. Alia fenomeno kiu sin montras ekde la komenco de nia jarcento estas: radioj, kiuj penetras ne nur la aeron kaj la stratosferon, sed ankaŭ la murojn de niaj domoj kaj niajn korpojn.

Mi kredas ke la unuaj estis de la senfadena telegrafo. Poste venis la radio, la TV, la fakso, komputiloj, "Bib" mesaĝiloj, senfadena telefono k.t.p.

Ĉu tiuj artefaritaj radioj povas esti la kaŭzo de multa nervozismo, multaj krimoj kaj eble troa dormemo?

Iam mi legis ie, ke poŝtkolomboj nuntempe konfuziĝas kiam ili flugas super radio-kaj tv stacioj. Ili perdas sian vojon. Nur kiam ili sufiĉe malproksimiĝas de tiu radifonto, ili retrovas sian direkton.

Se la kolomboj estas influenciataj, tiam certe ankaŭ la homoj, tamen nekonscie.

Ĉu ni iam povos (aŭ volos) forigi tiujn agrablajn kaŭzojn? Mi dubas. Estos pli bone, se eble, alkutimiĝi, imuniĝi al tio. Aŭ... ni iru al alia planedo. Kaj tie... Samaj problemoj???

May Bijleveld

---

Reago al "DROGOJ KAJ NATURA SELEKTO de José Róiz. (B.E. nº 294)

La batalo kontraŭ la drogoj kostas multajn vivojn de policanoj, senkulpuloj kaj eĉ de infanoj pro "perditaj kugloj" kaj ankaŭ de kelkaj kulpuloj.

La droguzantoj estas pli kulpaj ol la vendantoj, kiuj (kiel diris José Róiz) ofte akceptas tiun manieron por subteni la familion, ĉar pro la maŝinoj multaj manlaboristoj estas maldungitaj kaj la "kompatindaj" droguzantoj oferas multan monon!

Kompare kun la malfortuloj kiuj ne ĉesas uzi drogojn, mi rakontos veran historion:

Iomete pli juna kuzo mia (Nederlandano) estis dum la 2ª mondmilito aviadilpiloto. Li estis kaptita de la germanoj kaj metita en koncentrejon. Feliĉe li eskapis. Li multe suferis kaj volis forgesi la mizeron en la bluaj nuboj de cigaredoj. Dum multaj jaroj post la milito li fumados de la mateno ĝis la nokto.



Iam grupo de amikoj unuiĝis en restoracio. Tie ili parolis pri la malfacileco finigi la fumadon. Unu el ili diris al mia kuzo: "Vi neniam havos la forton por ĉesi fumi. Vi fumas la tutan tagon."

Mia kuzo indignis: "Vi diras ke mi estas malfortulo! Tio estas ofendo! Ĉu vi volas veti kun mi ke mi havas fortan volon? Rigardu: Mi nun estingas ĉi tiun cigaredon kaj mi promesas, ke tiu estos mia lasta cigaredo dum 6 monatoj. Mi donas mian honorvorton ke, se mi ne sukcesos, mi konfesos tion al vi. Ĉu vi akceptas?"

Jes, bone! Ni akceptas."

Post ses monatoj alia kunveno en la sama restoracio. Ili demandis:

Ĉu vi sukcesis?" "Jes, mi sukcesis."

"Gratulojn! Nun vi povas fumi denove jen via unua cigaredo. Prenu!

"Ne! Certe ne. Vi helpis min. Mi estas pli sana. Mi pensas pli klare. Mi flugus pli bone. Mi estas feliĉa. DANKON PRO VIA OFENDO!"

Do, anstataŭ bataligi policanojn, anstataŭ mortigi senkulpulojn, ni ofendu la malfortulojn.

Persone kaj per ĵurnaloj kaj TV.

Lasu al la malfortuloj la liberecon mortigi sin mem. Ni ne bezonas ilin. Kiel José Róiz diris: Tio plibonigos la homaron. Aŭ...

Ĉu la malfortuloj reagos pozitive al la ofendoj?

May Bijleveld

---

Reago al "La voĉo de la okcidento", BE nr 294. p. 15.

En "LA voĉo de la okcidento" mi legis, ke oni plendas, ke katolikoj, protestantoj kaj aliaj kredoj forestas en brazila Esperantujo.

Mi kredas ke la afero estas alia. Tiuj personoj ekzistas inter ni. Eĉ multe da ili. Sed la spiritistoj, estas la solaj kiuj, kiam ili parolas pri Esperanto al ne-esperantistoj, ili tuj aldonas "Mi estas spiritisto".

Neniu alia religiano tuj deklaras sian religion kiam ili parolas pri Esperanto. Tio estas la kaŭzo kial la spiritistoj donas la impreson, ke Esperanto estas ilia spirita afero. Por mi religio estas persona intima afero. Libera al ĉiuj.

Okazis la jeno: Iam mi devis atendi en iu atendejo. Sur la tablo de la ricevistino mi vidis esperantan libron kaj mi demandis: "Ĉu vi parolas Esperanton? "Respondo: "Jes. Ĉu ankaŭ vi?
"Jes". "Ah, tiam vi estas spiritisto." "kial vi pensas tion" "Esperanto estas spirita lingvo." Mi klarigis ke ĝi estas neŭtrala lingvo.

Okazis en Rio de Janeiro. Iu informis tiun junulinon erare.

May

# BEL-OFICEJO INFORMAS

## VIZITO AL "RADIOBRÁS"

La Vic-Prezidanto de BEL vizitis la Prezidanton de "Radiobrás", D-ro Maurílio Ferreira Lima, kune kun la Distrikta Deputito Renato Rainha, kiu prezentis proponon favore al ebleco establi Kurson de Esperanto en TV-Eduka.

## KURSO DE ESPERANTO EN ASOCIO "DANTE ALIGHIERI"

La prezidanto de la Asocio "Dante Alighieri", sekcio de Brasília, D-ro Giovanni Gambella, proponis al BEL akordiĝon kiu ebligu la instruon de Esperanto en tiu organizo, sen financaj malhelpoj al Ligo. La Asocio, kiu havas filiojn en la tuta mondo, estas institucio eminente kultura kaj ofertas kursojn de muziko, kanto, pentrado kaj de lingvoj (angla, franca, hispana kaj itala), ktp.

## HEJMOPAĜO DE BEL ESTAS SUKCESO

Apenaŭ unumonata, la hejmpaĝo de BEL jam ricevis pli ol 500 vizitojn. Kaj la n-ro 11 de la revuo Gvidilo Internet, de aprilo, aperigos ĝin kiel unu el la 100 elstare plej allogaj en Brazilo! Le estraro de Ligo sendos korespondaĵon al ĵurnaloj, revuoj, radioj kaj televido ligitaj al Internet, informante pri nia hejmopaĝo. Ekde nun, malfavoraj novaĵoj pri Esperanto en nia gazetaro nur estos publikigitaj malbonintence.
La definitiva versio de la paĝo en Esperanto estas preskaŭ preta. Ni petas al ĉiuj esperantistoj kontakti la Sekretariejojn de Turismo de la ŝtatoj/municipoj kiuj havas turistan paĝon en Internet, proponante la tradukon al Esperanto, tiel ke estu ligiteco al nia paĝo, ene de la rubriko "VIZITU BRAZILON".
Ni ankaŭ petas ke vi informu al ni la adreson de entreprenoj kiuj havas nomon en Esperanto aŭ komercas produkton kun Esperanta nomo, kiel ekzemple LUPO (ŝtrumpoj), MIRINDA (refreŝigaĵo),BONA (vegetala butero) ktp. tiel ke ni povu kontakti ilin, cele al diskonigo de la produkto pere de nia paĝo. Por pliaj informoj pri ambaŭ kazoj, telefonu al (061) 226-1298.

## FALDFOLIO: DAŬRIGAS LA SUKCESO

Ĝis la tria de marto vendiĝis 32.500 faldfolioj. La 5 ŝtatoj kiuj plej mendis ilin estis: São Paulo (7.560), Minas Gerais (5.900), Bahia (4.100), Rio de Janeiro (3.200) kaj Amazonas kaj Rio Grande do Sul (ambaŭ kun 2.250). La novaj modeloj jam entenas la adreson de nia paĝo en Internet, kio venigos pli da vizitoj al tiu informilo.

## SOLENA SESIO EN LA ĈAMBRO DE DEPUTITOJ DE DISTRIKTO FEDERACIA

Vi ne povas foresti en la Solena Sesio omaĝe al Esperanto, venontan 14-an de aprilo, ĉe la Distrikta Ĉambro de Brasilia. La komisiono de eventoj de Ligo preparas feston laŭ la evento-graveco, kiu estos elstara por nia movado. Tamen, se vi ne povos ĉeesti, ne forgesu sendi telegramon, poŝtkarton, leteron aŭ fakson al la Prezidanteca Ĉambro Leĝiga de Distrikto Federacia.
La adreso estas:

Deputada Lúcia Carvalho
M.D. Presidente da Câmara Legislativa do Distrito Federal
SAIN Parque Real
Brasília, DISTRITO FEDERAL - 70086-900

Menciu la nomon de la Deputito Renato Rainha, aŭtoro de la propono kiu kreis la Solenan Sesion.
Via korespondaĵo estas tre grava, ĉar ni sukcesas impresi la politikulojn de la areo de Distrikto Federacia, kie Ligo estas favore agnoskita. Ĉiu korespondaĵo estas ŝemo kiu ĝermos en la adekvata loko en sia tempo. Cetere, ni jam sukcesis pri bonaj fruktoj ekde kiam la procedo komencis. Baldaŭ la sekvoj de tio kio okazas en Brasilia eĥos en tuta Brazilo.

## RENKONTIĜOJ

28-a ESPERANTO-RENKONTIĜO DE PARAIBA VALO, RESENDE, RJ - Av.Castelo Branco,104-4-o 02/03/97 - Ene de la verva programo, prelegis Willy Sales (Kloakaj Akvoj), estis kunveno movada, kunordige de BEL-prezidantino Symilde Ledon, intervjuaj demandoj al la ĉeestantoj kaj tre elstara prezento de la Koruso "Voĉoj de Agulhas Negras". La 29-a ERPV okazos en S. José dos Campos, en 08/06/97.

3-a REGIONA RENKONTIĜO DE ESPERANTO 23/03/97-FRANCA; SP
Temo: "Kantu, Instruu, Amuziĝu, Lernu" (KIAL)
Organize de Ĝardeno Esperantista Zamenhof kaj Stelo Esperanto-Klubo, Caixa Postal 486, FRANCA, SP 14400-970

19-a E-RENKONTIĜO DE ŜTATO SAN-PAŬLO
En Sorocaba, 28-30/03/97
Temo: "Esperanto: Disvastigado kaj Komunikado"
Organize de Sorocaba Esperanto-Klubo, Rua da Penha, 455 Centro, SOROCABA, SP 18010-010

11-a RENKONTIĜO DE ESPERANTO DE ŜTATO RIO DE ĴANEJRO, 23-24-25/05/97, BARRA MANSA, RJ Organize de Kvin Pinta Stelo de Esperanto n-ro 002
Av. Presidente Kennedy, 925 - BARRA MANSA, RJ 27325-330

33-a BRAZILA KONGRESO DE ESPERANTO
18-a BRAZILA ESPERANTISTA JUNULARA KONGRESO,12-17/07/97
Temo: "Rilatoj inter Sciencoj kaj Artoj"
Paranaa Esperanto-Asocio, Caixa Postal 1701, CURITIBA, PR 80001-970

9-a SUDBRAZILA RENKONTIĜO DE ESPERANTO
Temo: "La Socia Rolo de Esperanto",18-22/09/97
GAŬĈA ESPERANTO-ASOCIO, Caixa Postal 815, PORTO ALEGRE, RS 90001-970

## RETO-KLUBO DE ESPERANTO-PAROLANTAJ INFANOJ

En Interreto malfermiĝis RKEPI, geknaboj kaj denaskuloj. La adreso de la ĉefa ttt-paĝo de la RetoKlubo estas http://www.geocitiescom/EnchantedForest/2755/

## VIZITO DE D-ro HUMPHREY TONKIN AL BRAZILO

Okaze de la vizito de la eks-prezidanto de UEA (83-85/86- 88) al Bona Espero, en decembro-96, BEL omaĝis la elstaran esperantiston kiu vizitis la sidejon en Brasilia, inter aliaj gravaj kontaktoj.

## KORESPONDEMULOJ

*"Mi lernis Esperanton, sed mi ne sufiĉe uzas ĝin. Mi serĉas amikojn kaj samideanojn. Krom tio, mi invitas volontulojn subteni min je mia ideo organizi en Rusio "Korespondan kurson de Esperanto" kaj disvastigi sciojn pri E-o en Rusio. Bv. reeĥu laŭ adreso: Anatolo Guk, Poĉtamt p.k. 43, 347900 Taganrog, Rostovskaja obl. RUSIO.*

## ESPERANTO KAJ NATURA

Naturaj produktoj dietaj kaj importitaj:
RIOSHOPPING - Estrada dogabinal 313, Loja 143-A, RIO DE JANEIRO, RJ
Tel. 443-8046 (Butiko) 289-7005(Kontoro) 593-9316 (fakso).

## KOBALTO BLU' (AZUL COBALTO)

### AĈETU TIUN IDEON

Estas poemlibro dulingva verkita de samideano José Meira Mendonça, forpasinta antaŭ kelkaj jaroj. La tradukon faris Profesoro Waldson Pinheiro, el Federacia Universitato de Rio Grande do Norte kaj la eldonrajtojn la aŭtoro donacis al Potigvara Esperanto-Asocio. Por solvi financajn problemojn kaj investi en disvastigadon de la Perkoresponda Kurso de BEL en Rio Grande do Norte ni porponas al vi nian varon: KOBALTO BLU'.
01 ekzemplero - R$ 10,00 / 06 ekzempleroj - R$ 50,00 / 12 ekzempleroj - R$ 100,00.
Aĉetu tiun ideon kaj sendu vian mendon kun ĉeko nome de "Associação Potiguar de Esperanto", Caixa Postal 291 - NATAL, RN 59025-970

PEA-Estraro

## E-SOCIETO DE RIO GRANDE

Rua Gen.Vitorino, 393/301, Caixa Postal 233, RIO GRANDE, RS 96211-970. ESRG festis la 35-an jaron de fondiĝo en 15/12/96 kiam enoficiĝis nova estraro: Prezidanto - Carlos Augusto Oliveira Silveira, Vic-Prezidantino - Marilucia da Rosa Rezende, Sekretario - Manoel Torres Abreu, Kasisto - Ivaldir Estabel Farias.

## OKCIDENTA REGIONO, CAMPO GRANDE, RJ-RJ

La Esperanta Kunfratiĝo de Okcidenta Regiono-EKOR, Rua Cel. Agostinho, 126-Fundos, Campo Grande, RJ-RJ
23050-360 fondita en decembro 1991, konsistas el 8 E-kluboj; ĝi organizas ampleksan programon de aktiveco, trejnado de E-instruistoj, frata vespero kaj jara renkontiĝo, respektive en 23/03/97, 25/05/97 kaj 16/11/97 krom kunsido monata ĉiun duan dimanĉon.

## STRATO "DR. LÁZARO LUIZ ZAMENHOF"

Araraquara E-Klubo komunikas tiun nomumon de strato laŭ Projekto de Leĝo n-ro 210/96 de la urba konsilanto José Carlos Porsani, Leĝo 4795 de 16/12/96.

# EVENTOJ

11-a IMEK (Internacia Medicinista E-Kongreso), Krakovo, Pollando 04-08/07/1997, organize de UMEA omaĝe al la 110 jariĝo de Esperanto kaj 20 jaroj de IMEK-oj. Adreso:
Osrodek UMEA SHINODA-KURACEJO 31-586 Kraków, ul. Centr alna 32 POLSKA.

INTERNACIA JUNULARA SEMAJNO (IJS)
17-23/07/1997 Pecs - Hungario. Temo: "Mez-Eŭropo".
Informoj: D. A. Golden, Damjanich u. 1/c. I. 8, HU-8200
VESOREL, HU.

31-a ILEI KONFERENCO - Temo: "Multkultureco kaj Lingvolernado". Konferencejo Avalon, apud Geelong, Melbourne, AŬSTRALIO 27-7/2-8/1997.

2-a EŬROPA E-FESTIVALO - Budapest, 1997 julio 31-aŭgusto 06. Ĉeftemo: "Komunikado en Internaciaj Organizoj". Hungaria E-Asocio.

51-a ARGENTINA KONGRESO DE ESPERANTO
4-a INTERLANDA KONFERENCO PRI INSTRUADO
9-12/10/1997, Buenos Aires, AR. Organizanto: Asocio Buenos Aires de Esperanto - Bonaera Esperanto-Asocio.
Adreso: Paraguay 2357 Dto. 2 AR-1121 Capital Federal - Bs. As. ARGENTINA.

5-a INTERNACIA ESPERANTO-SEMAJNO por la Kulturo kaj Turismo. 04-11/lO/l997, sub la aŭspicio de Hispana E-Muzeo, Sant Carles de la Rapita, Tarragona - Katalunujo, HISPANUJO.

50-a KONGRESO DE IKUE (Internacia Katolika Unuiĝo Esperantista) 31-8/7-9/1997 Romo, Rimini, ITALIO. Pliaj informoj: Centra Oficejo de IKUE, Via di Porta Fabrica 15, I-00165 Roma RM, ITALIO.

UNIVERSITATAJ KONFERENCOJ DE AIS
San Marino en 1997:
Pola Studsesio en Bydgoszcz (PL), 26/4/1997-4/5/1997 Internacia Studsesio dum la 82-a UK en Adelajdo (AUS) 19-26/07/97.
3-a Itala Studsesio lige al la 18-a Sanmarina Studsesio (SUS 18), 30-08/05-09/1997 en Rimini (IT) kaj San Marino. Kontaktadreso por ĉiuj aranĝoj: ADoc. Mag. Joanna Lewoc, Senata Sekretario de AIS, Karl-Schwarzschild-Weg 6/317 DE-37077 - Goettingen, GERMANIO.

# KURSOJ

## NITEROI ESPERANTO-KLUBO (NITEC)

Rua Cel. Gomes Machado, 38/S/402-Centro, NITEROI, RJ - Caixa Postal 100.010 NITEROI, RJ 24001-970. Ekde marto: Baza Kurso (sabate, marde, ĵaŭde); Baza Kurso Daŭriga (vendrede); Konversacia Rondo (sabate).

## DISVASTIGA E-GRUPO DE MINAS GERAIS

Caixa Postal 3388, BELO HORIZONTE, MG - Ekde februaro: Baza I kaj II, Daŭriga, Perfektiga, Priinstrua Monitora Kurso.

## URBA CENTJARIĜO

Disvastiga E-Grupo de Minas Gerais invitas esperantistojn al sendo de apogleteroj al la Urbodomo: Prefeitura Municipal de Belo Horizonte, Comissão do Centenário, Av. Afonso Pena, 1212 BELO HORIZONTE, MG 30130-003, favore al inkludo de Esperanto en la feston de urba centjariĝo.

# MOVADO

## ORA JUBILEO

NITEROJA ESPERANTO-KLUBO festas en 1997 la oran jubileon per speciala programo jarkomenca kiu entenas kursojn por enkonduko al Esperanto, konversacian rondon promenadojn, kampanjon por propra sidejo kaj ĝeneralan ordinaran kunsidon. Adreso: NEK Caixa Postal 100.010
NITEROI, RJ 24001-970.

## ESPERANTO EN RADIO

La esperantistoj de Goiânia kaj aliaj urboj sukcesas novan spacon krom lernejoj kaj interneto por la diskonigo de Esperanto. La Universitata Radio UFG elsendas semajne, ekde la 22-a de februaro je la 20-a horo la programon "Esperanto en Perspektivo" kunordige de la Kultura Esperanta Centro, sub la respondeco de Álvaro Luiz Rodrigues, direktoro de Kulturaj Aferoj de KEC.

## E-GRUPO SUR LA VOJO AL LA LUMO

En 15/02/97 ĝi estis fondita en TERESINA, PI kun jena estraro: Prezidanto: João de Moura Fé, Vicprezidanto: Regina Lucia Sobreira de Mesquita, Sekretario: Ana Maria dos Santos, Kasisto: José Ribamar dos Santos, Bibliotekisto: Lisany Virginia Cunha Nunes, Konsilantoj: Maria Eliane Aragão, Washington Lima, Nilo Moura Fé.

## DESEAK

(Departemento de Esperanto de Societo E-A. Kardec) La Direktorino de DESEAK, Lucila D. Fernandes raportis pri la aktivecoj-1996 kiuj rilatas al kursoj kaj aktiva partopreno de la diskonigo de Esperanto. Adreso: Rua Cel. Fernando Machado, 883-3-o andar, PORTO ALEGRE, RS - 90010-320

## RECENZO

# Meditoj de vivnaviganto

***Eugène de Zilah*: *Vivi sur barko*.** *Editions Jean Claude Bernard, Cannes. 1994 235 paĝoj kun multaj desegnitaj ilustraĵoj (de Megumie Komamura) kaj kelkaj engluitaj fotoj. Prezo 150 FF ĉe: La Gazeto, 55210 CREUË, Francio kaj en ĉiuj bonaj libroservoj.*

Mi eksciis pri la libro jam antaŭ jaroj. Mi tralegis ĝin kaj relegadis nur junie kaj julie ĉi-jare dum interinsula vojaĝado en Jersey-arkipelago, preninte ĝin kun intenco. Evidentiĝis, ke la cirkontanco influis mian manieron percepti diversajn priskribojn de la aŭtoro. Ekzemple en St Peter Port Guernsey-insulo (kun miaj akompanantoj) ni speciale vizitis la jaktohavenon kaj snufis ĝiajn instalajojn pro empatiaj impulsoj - kompreni kaj senti pli profunde la konstatojn de Eŭgeno. Nur post monatoj de intensa integrado - oktobre - mi tajpas la ĉi-subaĵon, pardonpetante pro tio la aŭtoron kaj ties admirindan edzinon.




Unue, kiam ajn mi prenis la viol-grizan volumon en la manon, krompulsis mia ekologia koro al la dika reciklita papero, faciliganta foliumadon. Blua kadreto sur ĉiu paĝo sukcese vigligis sensacon de griz-nigraj folioj.

Due, estis plezuro rimarki, ke la aŭtoro-malgraŭ sia plena fasciniĝo pri jaktoj - uzas la marŝipeton kiel bonegan instrumenton, por tuŝi diversajn bordojn - ankaŭ de la homa konscio kaj de ekzistado inter aliaj teranoj.

*"Alvenas naŭza tago en vian vivon. Ĉio, aĵoj, bestoj, plantoj, homoj, ĉio centrigas sur vin siajn anonimajn premojn, ĉio ekstrebas konservi distancon de vi... La naŭza tago min trafis la 3-an de januaro 1989, ĝi estis la unua de mia 51-a vivojaro. "Devis esti granda tiu naŭzo, se ĝi puŝis la aŭtoron sur ondozan surfacon de maroj.* Provu imagi vin mem-post paso de via vivduono - pretan tiom komplete ŝanĝi vian vivmedion! Devis esti profunda tiu doloro, kiam kultivata amikeco ekhavis senvivajn okulojn.

Kiam vi havos la libron antaŭokule, kompensos vin la pulsantaj ideoj pri vivarto kaj pri vivembuskoj. Tiun regalon vi ricevos de la naviganta filozofo, por kiu la barka kokpito (ne ĉagrenu, en glosaro vi trovos klarigojn) de "KERGUELEN" fariĝis konfespodio pri ĉefaj gravajoj de la homa vivo. La maniero inviti leganton al la pensbankedo - foje leĝera, aludplena, foje profunda, informriĉa, sed ĉiam taktanta vin serioze, sen inklino disipi tempon per io ajn, la maniero logis min kaj la rezultoj konvinkis pri ĝia valoro.

De Zilah en 1956 devis fuĝi el Hungario-atakita de sovetiaj imperiismaj trupoj - por savi la minacitan vivon. Li enhejmiĝis en Francio kaj atingis tie la sendependan pozicion kiel malrutina, verserĉanta filozofi-profesoro, kiu sukcesis eduki kaj pensinstigi grupon de kreema junularo. En 1989 la imperio de malbono formale disfalis (por kompreni, ĝis kiom ĝi estis malbonaĉa, necesas legi verkojn de Aleksandro Soljenicin). Mi mem, aŭdinte la ĉi-koncernan proklamon, dancis surstrate kun kazardaj preterpasantoj. De Zilah distancigita de sia unua patrujo space kaj sperte en tiu tempo ekfasciniĝis pri marnavigado, por (post serio de seniluziiĝoj) trovi aliajn vojojn al libereco. La edzino manifestis plenan komprenemon.

*"Ni do decidis vivi sur barko. La ina prudento de Lena tamem trudis al mi fiksan adreson en vilaĝo de mia filo (Edgar), du ĉambrojn kie ni lasis librojn kaj aĵojn tro karajn por esti likvidataj".*

Pli frue la aŭtoro - profunde interesiĝinta pri orienta kulturo - sukcesis vojaĝi al Hindio kaj kelkaj aziaj landoj kaj poste - por liberiĝi de la sento ĉion komenci kaj nenion fini - verki centojn da artikoloj kaj traduki tekstojn de Kartezio ĉu prilabori vortaron de sanskrito. Li faris ankaŭ vojaĝojn al ĉiuj kulturlokoj de Eŭropo.

Amikoj, familianoj, ĉiatipaj rilatuloj malbone komprenas lian volon izoliĝi. El la surbarka vivo ili konas nur elferiajn poŝtkartojn sen eĉ imagi kvaliton de psikaj kaj materiaj malfacilaĵoj.

La aŭtoro amis konsumadon, kiel ĉiuj, kies juneco pasis en mizero. Tamen eĉ tre taksante ĉion, kion li ricevis de la nova patrujo, li ne plu povis vivi, kiel ĝis nun.

Situacio post situacio vi povas observi liajn paŝojn en la nova realo, plena de nesupozataj riskoj kaj neantaŭvideblaj danĝeroj, kiuj atribuas al la

travivata tempo tute alian ritmon. La filozofo, kiu eĉ en la plej simpla evento kapablas rekoni pli profundan signifon, interpretas la okazaĵojn kaj la homajn kondutojn tiel, ke la leganto havas impreson aparteni al liaj pli intimaj amikoj, por povi aŭskulti kun kompreno lian konfeson: *"Ĉu mi ne alvenis al aĝo tia, ke laŭ ĉiuj kriterioj mi rajtas kaj devas zorgi pri mia spirita disvolviĝo, miaj meditoj, miaj verkoj, miaj revoj?... Mi oferis mian agrablan, komfortan burĝan vivon sur altaro de nekonata dio, kaj mi angore gapas al la vojo, kiun sekvas ĝia fumo".*

Novaj vivkondiĉoj devigas la barkulon zorgi pri aferoj antaŭe eĉ ne imagitaj kaj starigas lin fojfoje antaŭ cirkonstancoj de granda risko, kiujn li alfrontas bonrezulte kun tiu sento de triumfo kaj memkontento, kiu ĉiam regas la homojn post danĝerpaso. Kaj surbarke diverstipa danĝero hejmiĝas tute nature. La ĉapitro "Triobla sortobato" densiĝas de tio.

Mi trovis en la libro multajn interesajn pensojn, kiujn naskas ekzemple soleco kaj sopiro. Mi trovis multajn spurojn de la specifa humursento, kies altan kvaliton difinas la barkula memironio. Mi legis kun plezuro surmarajn erotikaĵojn, kiuj pli ol io ajn montris al mi la aŭtoran vivamon.

*"Baldaŭ mortos la maljuna simio, kiun mi rajdas. Atendante tion, mi provos trovi la materialajn kondiĉojn necesajn por spirita realiĝo sur jakteto. Se mi estus certa, ke kajuto de barko povas anstataŭi ĉelon de monaĥo, mi ne provus. Iun tagon, unu el miaj ŝlosiloj efikos kaj mi enfalos la troplenan vakuon... atendante tion, mi tamen estas feliĉa...".*

Kiu estis en korsikia Bonifacio, eble memoras tiun imponan rokaron, fermantan la havenon aŭ malfermantan la marvojon ekzemple al Sardinio. Ankaŭ tie vivis surbarke Eŭgeno de Zilah, kiun principe tamen eblas renkonti ĉe bordo de iu greka insulo, kie li serĉas pluajn respondojn je la ekzist-demandoj naskiĝintaj ĉe li en Francio, kaj kiuj maturiĝas ĉe ni, kie ajn ni estas.

Mi fine konfesu, ke ial mi miskonsideris doktoron de Zilah la personeco egotisma, kiu donas al siaj proksimuloj nur mallarĝan ekzisto-spacon. En la libro mi ne nur legis, sed ankaŭ sentis tiun aman ligon, kiu forte kuntenas la triopon.

Tyburcjusz Tyblewski



48ª datreveno de Esperanta Klubo "Zamenhof" - São Miguel Paulista - SP - 25ª de Januaro 1997
De maldekstre - Darmy Mendonça, Osvaldo Pires de Holanda (fondintoj) Gilbert R. Ledon, (Prezidanto de EASP), Symilde S. Ledon (Prezidanto de BEL) kaj Joel Afonso Francisco (prezidanto de la antaŭa estraro).

## Stranga Sonĝo

Verkis DOKITO

Mi sonĝis ke mi flugis tra arbaro,
Laŭ vojo kondukanta al rivero...
Rivero vere vasta kvazaŭ maro,
En valo de beleco kaj mistero...

Kun pleno de konfido kaj espero,
Mi sentis ke la tuta irantaro
Ne flugis kiel mi tra la aero,
Sed paŝis sur la grunda kontraŭstaro...

Kaj mi demandis ilin: Kial vi
Ne fluge sekvas min? Ĉu vi ne povas,
Ĉar flugi estas ja privilegi'?!...

Sed ili piediras kaj sin movas
Indiferente ĉu forflugas mi...
Belege *birdi* dum aliaj *bovas* !...



# KIALOJ

## KIAL FARIĜI ANO DE BEL?

- Ĉu BEL estas necesa organizo por la esperanta movado en Brazilo?
- Ĉu BEL vere reprezentas nian movadon ĉe UEA kaj en Brazilo?
- Ĉu BEL plenumas, tute kontentige por ni, la taskojn kiel gvidanto de nia movado?
- Ĉu BEL ekzistas nur por aperigi antaŭ la esperantistaro grupon da homoj, nenion faranta favore al nia movado, por ke tiuj homoj estu rigardataj kiel la kapoj de nia movado?
Responde al tiuj demandoj mi kuraĝas diri:
a) JES, BEL estas tre necesa kaj grava instanco de nia movado.
b) JES, BEL vere reprezentas nian movadon en kaj for de Brazilo.
c) Fakte BEL ne plenumas tute kontentige por ni, ĉiujn takojn laŭ la Statuto kaj laŭ nia deziro.
Sed Kial?
a) Ĉar granda nombro da esperantistoj ne kredas pie kaj fervore je BEL. Konfirmas tion la tre malgranda nombro da esperantistoj aliĝinta al nia Landa Asocio kontraŭ la enorma nombro de esperanto-parolantoj ekzistanta en Brazilo.
b) Ĉar kelkaj esperantistoj preferas membriĝi al UEA kaj ne al BEL, forgesante ke nia Landa Asocio multe pli povas disponi al ili, pri la plej variaj aferoj rilataj al esperanto-movado, sen konsideri, ke ni brazilanoj havas la moralan devon apogi nian landan reprezentanton.
c) Ĉar se BEL ne pli laboras favore al Esperanto en Brazilo, la kulpo estas nia. Ni ne donas al ĝi la necesan rimedon por pli aktive labori.
d) Ĉar vere honte, MALPLI ol la duono de nia esperantistaro (kaj mi parolas pri esperanto-parolanto) estas membro de BEL kaj inter ili multaj ne pagas akurate la jarkotizon. Ĉu la kulpo estas de BEL?
e) BEL ekzistas por gvidi nian movadon kaj faras tion laŭ la eblecoj. Se BEL ne faras pli, favore al Esperanto en nia lando, estas pro tio ke ĝi ankoraŭ ne lernis fari "miraklojn".
La pasintaj kaj la nuna estraro de BEL multe laboradis kaj laboras por la grandeco de nia movado. Ni ne rajtas plendi nek diri ke la inerteco de BEL malrapidigas la movadon. Tio ne estas ĝusta.
Ni devas analizi sincere, sen antaŭjuĝoj, la verajn motivojn de tia inerteco. Plendi ne solvas la problemon.
Se la motivo estas vere la inerteco de la Estraro ni rajtas kritiki kaj klopodi por solvi la aferon, eĉ anstataŭigi la Estraron.
KIEL?
- Unue apogante sincere la Estraron, morale kaj mone por ke ĝi havu rimedojn por labori favore al Esperanto.
- Due, ke la membroj de BEL pagu akurate la devigan kotizon.
- Trie, ke tiuj kiuj ankoraŭ ne estas membroj de BEL, membriĝu tuj kaj kunlaboru:
- Tiel agante, mi estas certa ke neniam plu ni bezonos fari malsimpatiajn kampanjojn por peti monon por BEL kaj ĝi, sendube, povos konduki nian movadon al elstara loko. Ni meritas!

Jopomo



## KIAL ANTAŬJUĜOJ?

Esperanto ne estas simple lingvo. Ĉiuj scias, kio estas la interna ideo, nomata homaranismo.

Sed ŝajnas al mi ke nek ĉiuj sentas ĝin, nek ĉiuj kutimas labori por homaraniĝi. La interna ideo estas nur sur iliaj lipoj, ne en iliaj koroj.

Al ni, estas tre interese esperantigi ĉiujn, kiujn ni sukcesos atingi, ĉu ne? Do, kiel estas ebla al ni suferigi samideanon pro antaŭjuĝoj? Al tiuj viktimoj, certe la esperantistoj similas aliajn homojn (se ne malpli bonaj).

Kiel eblas diri al samideano: Ĉar vi estas triamondano nordorientano, malriĉa, gejo, ktp, mi ne deziras paroli aŭ vidi vin?

Kien iros la frateco? Kio okazas al tiu kiu estas viktimo de tiaj antaŭjuĝoj dum kongresoj aŭ aliaj grupoj el esperantistoj?

Ĉu la komencantoj, kiuj suferas antaŭjuĝojn en la grupo kie ili lernas Esperanton, ne ekmalamas ĝin pro tio?

Esperanto venis al la mondo per Zamenhof por plibonigi tiun mondon. Li pensis: la mondo pliboniĝos se la malsamlingvanoj komprenus unujn la aliajn per neŭtrala lingvo.

Nun, mi demandas: ĉu la komprenemo, la frateco ne devus ekzisti inter la samlandanoj, kiuj parolas la saman lingvon?

Oni diras, ke la karito komenciĝas en la hejmo. Nia esperantista hejmo estas kie ni lernas aŭ instruas Esperanton.

Esperanto ŝanĝeblos la mondon. Sed nur la lernado de lingvo ne sukcesos tion. Necesas, ke ĉiu esperantisto estu ankaŭ homarano.

Ni devus rememori ke, sen homaranismo sen praktikeco, Esperanto estas nur unu plia lingvo inter pli ol 3000 aliaj.

Esperantistaro estas unu el la plej antaŭjuĝemaj grupoj. Se ne ekzistas unueco inter ni, kio okazos al la Esperanta movado?

Edgar Massaaki Egawa

# Kiuj(ne) partoprenas kongreson de esperanto

Estas tiuj ne partoprenas ĉar ili timas bone regi esperanton, mi bonege regas kaj eĉ elprofitis superan kaj instruistan diplomiĝojn de la kongresoj. Estas tiuj kiuj ne partoprenas ĉar ne havas monon, mi laboras kaj ĉiu jaro prioritate ŝparas monon ekskluzive por partopreni. Estas tiuj kiuj ne partoprenas ĉar la kunulino ne simpatias esperanton, mia amatino parolas kaj apogas esperant(ismo)on. Estas tiuj kiuj ne partoprenas ĉas ili sin trovas tiel maljuna aŭ malsana, mi estas sufiĉe juna kaj eĉ jam kuraĝis deiri kun brako gipsbandaĝita de Bela Horizonto al Natalo. Estas tiuj kiuj ne partoprenas ĉar ili timas vojaĝi sole, mi havas du fratinojn k laboramikon, kiu havas fraton, kiu havas najbaron, kiu havas amikon, kiu estis samfakultatano de mia e-lerninto, kaj (tre koincide) ni ĉiuj komencis grandan e-amikecan rondon ekde renkonta festeto de la loka e-societo kaj arete komencis partopreni brazilajn e-kongresojn. Estas tiuj kiuj ne partoprenas ĉar neniam ili havas tempon... la lastajn kvin brazilajn kongresojn, en Juiz de Fora, Natal, São Paulo, Anápolis kaj Vitória, sen interrompe mi povis partopreni ĉar ĉe mia laborejo ĉiuj scias ke mia prioritata feriaro estu koincida kun la e-kongreso. Plano kaj ĉiuj supraj citaĵoj estis favoraj al mi por partopreni la 32an brazilan e-kongreson en Ribeirão Preto, sed bedaŭrinde mi ne povis ĉar oni decidis plifruigi ĝin. Antaŭsciite, en la 31a brazila e-kongreso de Juiz de Fora oni mi eĉ plendetis pro tiu fruiga dato, vane kaj mi eĉ pensis ke tio ne tuŝos min. Tamen tuŝis ĉar mi forlasis preskaŭ finitan kurson pri beletro ĉe senpaga fakultato, kiu ĉiam disponigis tempon, por frekventi pagendan fakultaton pri komputiko tre ege necesa por mia laboro. Tie la tagoj de la ĉefaj ekzamenoj trakovris la tagojn de kongreso en Ribeirão Preto. Sed mi ankoraŭ estas ĝoja ĉar mia fratino kaj aliaj el la amikoj esperantistiĝitoj partoprenis kunportante la spuron kiun mi lasis. Mi eksciis (mi ne havas certecon) ke la precipa motivo de la plifruiĝo de la lasta brazila kongreso estas pro tio, ke multaj esperantistoj partoprenos internacian e-kongreson en Prago, inkluzive iu(j) el la kongresorganizintoj de Ribeirão Preto, tiel ke tiuj povis partopreni kaj brazilan kaj internacian kongresojn. Se vere estas tiamotive do aliflanke mi povis partopreni nek unu nek alian. Mi tre ĝojas ke multaj brazilanoj ĉeestos internacian kongreson, tamen mi malĝojetas ke mi ne partoprenis la kongreson de Ribeirão Preto. Nun mi devas atendi du jarojn por repartopreni e-kongreson kaj mi restas maltrankvile ĉar mi ne scias ĉu la datiĝo de la proksima kongreso en Curitiba estos plifruigita denove. Tial petas ke aliaj kun simila problemo manifestiĝu por ke oni povas taksi ĉu tio ja estas grave konsiderinda por la brazilaj kongresoj de esperanto.

Ario - Bela Horizonto

## LA VOĈOJ DE SOMERO

Kroniko
Maria Almada

Mi ne scias ĉu ĝi dum la pasinta somero troviĝis ĉitie aŭ ĝi ĵus aperis, veninte el nekonata loko, sed ĝi libere ekloĝis sur la arbo proksime al mia fenestro. Kial ĝi elektis la lokon en mia proksimeco estas mistero al mi, sed nun ĝi mirinde kantas, per sia kontralta voĉo dum la tuta tago.

Temas pri iu Cikado, kiu nun distras min pere de sia kanto, kiu kelkfoje sonas tiel akre kaj ĝene, ke mia najbaro riproĉe okulaĉas min, kredante, ke mi kontraktis la Cikadon por ĝeni lin. Ĝia belsona voĉo elstariĝas inter la voĉoj de aliaj cikadoj, kiuj faras ĥoron kun ĝi, ke la serenato estu pli impona, sed superigi ĝin ne eblas. Por elmontri, ke ĝi kapablas, ne nur akrigi sian kanton ĝi fojfoje ŝanĝas la voĉon en kontrabason, sed daŭrigas la kantadon je tristo de mia najbaro.

Ĝi diligente muzikas de matene ĝis vespere, sed ne ĝenas min. Ĝi certe ne frekventis konservatorion por lerni uzi sian voĉon, sed uzas ĝin korekte, kun etiketo kaj ceremonio, kiel decas al grandaj kantistoj.

La naturo posedas specialajn ĉarmojn, kiuj ensorĉas nin. Ili memorigas nin, ke ni ĉiuj faras parton de la naturo kaj tio devigas min pensi pri la historio de la "Formiko kaj Cikado", ĉar dum la diligenta, sed malagrabla formiko ŝteladas en mia kuirejo, la cikado distras min pere de sia belsona kanto.

Kiam infano, mi kun aliaj kolegoj sidis sub la arbo, dum someroj, nur por aŭskulti la kanton de la cikadoj, kvankam ili ne kantis por ni, sed destinis sian tutan recitalon, por allogi paron por amrenkonto kaj tiel plilongigi la vivon de sia speco. Tiaj estas la voĉoj de la naturo dum someroj.

### SOMERO

Sur ĉielo ardas la sun'
Amrevo brulas en koroj.
Okulumas kaŝe la sun'
En amplenaj, noktaj horoj.



# LA VIVO KAJ MUZIKO DE TOM JOBIM

Antonio Carlos Jobim, la fama komponisto kaj muzikisto Tom Jobim, naskiĝis la 25-an de januaro 1927 en kvartalo Tijuca, Rio de Janeiro.

Li komencis la lernadon pri pianludado en 1941, ankoraŭ 14 jaraĝa. La radiofonio ekkomencis intensigi la elsendon de la nordamerikaj muzikoj, kiuj alvenis Brazilon per la influo de la filmoj kaj neniu sufiĉe klopodis bremsi tiun influon.

Kvankam naskiĝinta en Tijuca, Tom Jobim estis tipa junulo de Ipanema. Ofte vizitadis la belajn plaĝojn kaj ankoraŭ adoleskanto jam kunorganizis muzikgrupojn kun amikoj.

Kiam li decidis sin dediĉi al la muziko anstataŭ studi arkitekturon, okazis granda rezisto de la parencoj precipe de lia patrino kiu timis pro lia sano (la muzikistoj, kantistoj, ktp... pro la bohemio preskaŭ ĉiam estis trafitaj de tuberkulozo).

21 jaraĝa li edziĝis kaj tiam, ĉar li estis nur pianludanto en dancejo, li "ĉiam devis postkuri la lupagon", kiel li mem diris.

En la jaro 1952 li ricevis inviton kiu iom ŝanĝis lian vivon: oni alvokis lin labori en la diskentrepreno Continental kiel asistanto de la muzikmajstro Radamés Gnattali. Tamen, lia debuto kiel komponisto okazis en sonbendigejo Sinter, per la muziko "Incerteza". Iom post iom Sinter lanĉis "Pensando em você" kaj "Faz uma semana". La muzikoj ne estis sukcesoj, tamen estis gravaj por la kariero de Tom.

En 1954 Continental lanĉis pluajn 2 diskojn, ĉiu kun unu muziko de Tom Jobim. Sed la sukceso mem estis "Teresa da praia", partnere kun Billy Blanco. En decembro de ĉi sama jaro ankaŭ Continental lanĉis la plej pretendeman verkon de Tom (ĝis tiam): "Sinfonia do Rio de Janeiro", kun laŭdegoj al la urbo, serio de samboj kun vortoj de Billy Blanco. Tom havis kion oni nomas "karioka karaktero" kaj precize vortigis la urbon kvazaŭ postkartoj. La muziko "Corcovado" estas perfekta elmontro de la karioka animstato.

En la jaro 1955 Tom Jobim jam estis komponisto serĉata de la kantistoj kaj unu el la komponaĵoj, la sambo-kanzono "Se é por falta de adeus" estis konsiderata inter la plej bona en tiu jaro.

Laŭ la recenzisto Ary Vasconcellos, Tom Jobim gajnis la 2-an lokon kiel aranĝisto kune kun Pixinguinha kaj Renato de Oliveira.

Sed kio definitive ŝanĝis la vivon de Tom Jobim estis lia renkonto kun la poeto Vinicius de Moraes en jaro 1956. Vinicius jam konis la muzikiston kiam, antaŭ 3 jaroj en Copacabana, Tom ludadis pianon en Clube da Chave. La poeto volis pretigi sian teatraĵon "Orfeu da Conceição" kaj ege bezonis muzikomponiston por estri la muzikan parton kaj komponi la muzikojn de tiu teatraĵo. Post prezentado de unu al la alia, Vinicius komencis pritrakti sian ideon pri la afero al la muzikisto. Ĉi tiu atente aŭdis kaj tuj demandis: "Ĉu estas monprofito?". Okazas ke Tom travivis financajn malfacilaĵojn kaj kiel jam antaŭe dirite, "devis postkuri la lupagon". Tamen, la demando ne ĝenis Vinicius kaj en la sekvanta tago ili jam planadis en la domo de la poeto. Kaj la teatraĵo debutis la 25-an de septembro de tiu sama jaro - 1956, per teatra dekoracio de Oscar Niemayer, muzikgvidado de Tom Jobim kaj multenombraj geaktoroj.

"Orfeu da Conceição fariĝis sukceso, venkis la festivalon en Cannes,1959. Kaj ene de la euforia etoso kiam Juscelino Kubitschek estis prezidento de Brazilo, ekaperis Bosanova, kies "reĝa triopo" estis João Gilberto, Tom Jobim kaj Vinicius de Moraes. "Chega de Saudade" kaj "Desafinado" estas muzikoj de tiu tempo.

Estis venditaj unu miliono da diskoj kun ĉi tiu muziko en la 1960-aj jaroj. En 1961 grava jazbando en Usono sonbendigis bosanovan muzikon. Tiam, la muzikoj de Tom Jobim ekbruegis en Usono. Kaj tie, en la 22-a de novembro de 1962, Tom kantis antaŭ 3.000 aŭskultantoj en Carnegie Hall.

En tiu tempo, Tom sonbendigis 12 muzikojn komponitaj de li mem, inter ili "Garota de Ipanema" (Knabino el Ipanema), kiu iom post iom fariĝis la plej populara brazila muziko eksterlande. La aŭtorrajtoj de ĉi tiu muziko ebligis al Tom Jobim aĉeti domon en kvartalo Leblon.

En 1964 Tom revenis al Usono kaj konstatis ke li estis homo konata en tiu lando, ĉar oni detenis lin surstrate por peti aŭtografon.

Du jaroj poste li akceptis telefonalvokon de Frank Sinatra kiu volis sonbendigi muzikojn kune kun Tom. Kaj la mikrokanalo Francis Albert Sinatra & Antonio Carlos Jobim estis unuanime elektita de speciala recenzistaro de Usono, la jara kanto-albumo. Tiu LP gajnis la premion Grammy.

En 1968 la bela kanzono "Sabiá" venkis en la Internacia Kanzona Festivalo. En 1971 li gajnis pluajn premiojn kaj lanĉis unu el siaj ĉefverkoj: "Águas de Março".

En 1978 li edziĝis la duan fojon kaj fondis

propran muzikgrupon, nomita Banda Nova, kun la partopreno de la plej aĝaj gefiloj Paulo kaj Beth kaj la edzino Ana.

Li gajnis multajn premiojn kaj honoraĵojn ne nur en Brazilo sed ankaŭ eksterlande:
Ordeno de Rio Branco en Brazilo kaj L'Ordre de Grand Commandeur des Arts et des Lettres, de Francio, inter aliaj.

Tom Jobim sonbendigis plurajn diskojn, ĉiam penante savi Brazilon kun ĝiaj bestoj, arbaro kaj popolo. Li naskiĝis ekologo antaŭ ol tiu vorto fariĝis modo. Estas sonbendigitaj de li pli ol 300 muzikoj, propraj komponaĵoj kaj multaj el tiuj fariĝis internacie famaj, ekzemple: Aguas de Março, Felicidade, Eu sei que vou te amar, Eu não existo sem você, Chega de saudade, Samba de uma nota só, Dindi, Este teu olhar, Se todos fossem iguais a você, kaj multaj aliaj. Sendube Tom Jobim estas la plej elstara ene de la moderna populara muziko brazila.

Tom Jobim bedaŭrinde forlasis nin la 8-an de decembro 1994.

**EL "SONG BOOK TOM JOBIM, Almir Chediak, Lumiar Editora,1990**
**Resumis kaj Esperantigis: Denise Deslandes**

---

## BELARTAJ KONKURSOJ

Enkonduke al pliampleksigo de niaj kontaktoj organizaj BEL lanĉas ekde 1997 **"BELARTAJ KONKURSOJ"**
validaj premie por la koncerna jaro. La konkursaĵoj devas esti novverkitaj, ne publikigitaj antaŭe.

a) BRANĈOJ
1. Prozo
2. Poezio
3. Disertacio (studaĵo pri scienca, filozofia aŭ literatura temo)
4. Eseo (mallonga, literatura verko)
5. Grafikaĵo (cele al E-disvastigo)
6. Redaktaĵo: - Baza kurso (lernantoj)
   - Supera kurso (lernantoj)
7. Teatraĵo
8. Traduko

b) REGULOJ
1. Maksimuma longo: 250x70 tajpospacoj. Du premioj
2. Laŭvola longo. Du premioj
3. Du premioj
4. Du premioj
5. Tri premioj
6. Temo pri Esperanto. Sub kunordigado de la koncerna instruisto, kiu elektos du konkursaĵojn de la baza kaj/aŭ supera kurso por sendo. Maksimuma longo: 30x60 tajpospacoj
7. Laŭvola longo. Du premioj.
8. La traduko devas esti el la portugala, la originala teksto devas akompani la tradukon (ankaŭ en 3 ekzempleroj)
Laŭvola longo. Du premioj.

c) SENDO
Ĉiu rajtas al unu nura konkursaĵo branĉa, krom la nº 5 (ĝis 3) kiu surhavu pseŭdonimon. En aparta koverto enestu la vera nomo kaj adreso. Por la branĉo 6 ankaŭ la nomo de la koncerna instruisto estu menciita samkiel en kiu grupo/klubo/asocio la klaso funkcias kaj ties adreso (ankaŭ se temas pri baza/ supera kursano).

La konkursaĵoj estu sendataj en tri ekzempleroj, krom branĉo 5 (en du ekzempleroj) ĝis la 30-a de junio de la koncerna jaro. La rezultatoj estos diskonigataj decembre.

ADRESO: BRAZILA ESPERANTO-LIGO
BELARTAJ KONKURSOJ
Caixa Posal 3625
70084-970 - BRASILIA, DF
(Rimarko: Dorsflanke de la koverto bv. skribi vian pseŭdonimon kaj ripetu la adreson de BEL)

d) PREMIOJ
Unua premio: 1 jarabono de revuo
Dua premio: 1 libro
Tria premio: Donaceto

e) PUBLIKIGO
Ĉiuj premiitaj verkoj estos unuafoje publikitaj en la oficiala organo "BRAZILA ESPERANTISTO" .

---

SOCIETO ESPERANTISTA DE MINASO - SEM
(Eksa Esperanto-Societo de Minas Gerais)
Prezidanto: Carlos Alberto Monteiro Leitão
Vic-Prezidanto: Ivan Miranda Pereira
Sekretario: Luci Assunção
Kasisto: Tania Regina Gertrudes

## MISEDUKO (ĈU?)

De pli ol 80 jaroj finnaj enmigrintoj (Kuritiba) instalis kolektivajn saŭnojn, por sia familio plus najbaroj. Gepatroj kaj gefiloj, senvestaj kiel ili naskiĝis, ĝuas kune la sanigan banon. Same respektoplene kunvivas la anoj de naturistaj kluboj, centoj tra la tuta mondo. (Veraj indiĝenoj ne kalkulatas). Ĉie revuteatroj surscenigas spektaklojn per nudaj rolantoj. Same preskaŭ ĉiu novelo kaj filmo montras seksumadojn kiuj igas infanojn, scivolaj kaj senspertaj, entrepreni endanĝerigajn misfarojn. (Ne indas mencii surpodiajn vivajn spektaklojn pri seksrilatoj). Oni konstatas ke la nudeco, en publiko, ne elvokas erotikajn pensojn de la ĉeestantoj. La jonio kaj ties vira koresponda parto fariĝas sensignifaj trajtoj de homa figuro. Ĉiu paro kiu longe kunvivas atestas tion. Jen, laŭ mi, pruvo ke post la unua ekvido kaj konstato ke ĉiuj homoj samas, ili kondutas kvazaŭ naivaj kaj senpekaj infanoj. Mi certas ke, se lindaj inoj paradus surpodie tute nudaj, ili ne rikoltus tiom da aplaŭdoj ĉar mankus al viroj la incito al fantazio pri neniam antaŭe ĝuinta amoro kaj al virinoj mankus ero per kiu kredigi ke ili superas la ceterajn. Jen la armilo (vestoj kiel ŝika pakaĵo) per kiu inoj kaptas siajn parulojn.

Pratempe nudeco iel ŝokis min. Nuntempe oni alkutimiĝas. Malgraŭ 10°C subnulo inoj nudaj protestas kontraŭ peltokomerco kaj mortigado de fokidoj. Futbalisto ŝanĝas sian kalsoneton meze de alrigardantoj. Neniu, eĉ ne la Eklezio formale protestas. TV-ero de FANTÁSTICO montris spektantaron discipline sida ĉe seksuma spektaklo. Laŭ statas la "ondo" verŝajne nur malvarmo, komercistoj kaj vantamo baras la neuzon de vestaĵoj. La moto, LA VIVO KIEL ĜI ESTAS rajtigas eĉ pornoaĵojn, akireblajn far dekjaruloj en budoj surstrataj, post kiam nia registaro nuligis la oficialan cenzuron. Mi mem malaprobas la finon de moralaj limoj. Por reenversi la aktualan ordon oni devus povi kalkuli almenaŭ la duonan brazilan loĝantaron kohere protestanta samtempe. Ĉu vi havas ideon kaj rimedon ŝanĝi la aktualan kolektivan inklinon? Bonvolu surpaperigi kaj prezenti ĝin.

Naturistaj revuoj igas konstati ke en ilia regno oni lernas respekton en la plej alta grado. Ĉia pornoaĵo estas strikte malpermesata. Ili konsistigas grandan rondon familian kiu kune festas datrevenojn, jaroŝanĝojn, pilkoludas, vete remas, ĥore kantas, teatrumas kaj konsiliĝe decidas pri pluaj entreprenoj. En ilia medio la homoj povas enamiĝi pro valoraj ecoj kiel talento kaj noblanimeco sed ne pro erotikaj eksteraĵoj. Neniu trompiĝas pro supozeblaj elstare ĉarmaj ecoj kiel okazas inter elegante vestitaj personoj. Ne ekzistas la tradicie tolerata trompo per la uzo de remburaĵoj sur la mamoj, sur la postaĵo, ktp.. - Ni verduloj eble povus envii ilian senapostatecan strebon al ampleksiĝo de ilia movado. La Jarlibro publikigas anoncojn pri tiu hobio.

O. Vaske



